XIXa jaro. No 280 (12) ☆ Monata ☆ Decembro 1923

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Simpla abono . . . . . . . . . . . . . . . 10.— Fr. Sv.
Kun la membreco de UEA . . . . . . . 12.50 Fr. Sv.
Unu numero . . . . . . . . . . . . . . . 1.— Fr. Sv.
*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

Anonco (unu centimetra kolonero) . . . . 2.— Fr. Sv.
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . 0.50 Fr. Sv.
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . 0.75 Fr. Sv.
*Vidu naciajn prezojn en la koncerna fako!*

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE

*La Redakcio ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion*



## La Zamenhofa Tago: 15 Decembro



Al ĉiuj esperantistoj en la tuta mondo honorantaj la karan memoron pri nia MAJSTRO, UEA sendas fratan saluton. Lia ekzemplo kaj inspiro veku novan kuraĝon kaj agemon por komuna kunlaboro inter multnombraj bonvolaj homoj.

☆







Pri la Monkolektado por inda monumento al ZAMENHOF en Varsovio ni atentigas je la alvoko sur paĝo 232 (16).

Por la Nova Jaro UEA sendos al ĉiuj siaj membroj sur la kvin kontinentoj la plej koran bondeziron. Vivu, kresku kaj floru la verko de ZAMENHOF.





# SOCIA VIVO



## La salajra problemo

de *Henry Ford.*

La konata amerika industriisto Ford jus eldonis libron pri „Mia vivo kaj verko" (Leipzig 1923). Unu el la plej instruaj ĉapitroj de tiu libro parolas pri la salajro kaj informas nin pri la principoj, kiujn Ford tiel sisteme aplikadis kaj per kiuj li havis tiel fabelan sukceson. Ford skribas:

Neniu problemo estas same grava kiel tiu pri la salajro. La plej granda parto de la homaro vivadas per salajro. Ĝia stato estas la kondiĉo de la bonfarto. Klarigu ni unue la rilatojn inter laboro kaj kapitalo. Oni ne kutimas rigardi la laboriston kiel kompanianon, kaj tamen li ne estas io alia. Ĉiu industriisto, kiu ne plu povas estri sola siajn aferojn, serĉas kompanianon, kiu partoprenas en la estrado. Kial do la produktanto, kiu ne plu kapablas plenumi per siaj du manoj la tutan laboron de la produktado, ne povas nomi „kompanianoj" la homojn, kiujn li devas alvoki por la helpado? Ĉiu entrepreno, kiu bezonas pli ol unu homon por la estrado, estas kompanio. En la momento, kiam entreprenanto elektas ian helpanton — eĉ se ĉi tiu estas nur kuristo — li elektas sian kompanianon.

Se estas juste, ke la estro de iu entrepreno penas plialtigi la dividendon, li kun la sama rajto povas plialtigi la salajrojn. Se li tion povus fari, sed ĝin ne faras, li estas kulpa. Sed li sola neniam kapablas plialtigi la salajrojn. Oni ne povas elpagi altan salajron, se la laboristo ĝin ne perlaboras. Lia laboro estas la ĉefa produktanta elemento, tamen ĝi ne estas la sola: Malbona estrado misuzas la laboron kaj materialon kaj neniigas la fruktojn de laboro. Sed kie prudenta estrado kaj honesta laboro estas kunsocietanoj, tie la laboristo ebligas altajn salajrojn. Li donas sian forton kaj sian povon, kaj se li honeste agas, li havas la rajton al honesta pago. Li ne nur efektive meritas ĝin, sed li ankaŭ multe helpis ĝin kreadi.

Sed unue oni pripensu, ke la fundamento por altaj salajroj estas formata en la laborejo mem. Se tiel ne estas, la alta salajro ankaŭ ne povas montriĝi en la salajrolibro. Iu sistemo por eviti la laboron ne estas trovebla. Tion la naturo mem pruvas. En nia vivo la laboro estas la nepra kondiĉo de bonfarto, de memestimo kaj feliĉo. Ĝi ne estas malbeno, sed la plej granda beno. Severa socia justeco devenas nur el honesta laboro. Kiu multe laboras, tiu devas multe ricevi. Bonfarado ne havas lokon en la salajra problemo. La laboristo donanta sian plej bonon al la entrepreno, estas ankaŭ plej bona por ĝi. Sed kvalitan laboron oni ne povas postuli de li por longa tempo, sen konvena kompenso. La laboristo komencanta sian taglaboron en la konvinko, ke li tamen neniam ricevos sufiĉe por eviti la malsaton, tiu ne troviĝas en la stato bone plenumi sian devon. Li estas persekutata de zorgo kaj malkontento, kiuj malpliigas lian laboron. Sed kiam la laboristo scias, ke lia laboro ne nur havigas al li la neceson por la vivo, sed krome la eblecon instruigi liajn geknabojn kaj havigi ian plezureton al lia edzino, tiam la laboro estas por li bona amiko kaj li volonte laboradas laŭforte. Kaj tio estas utila por li kaj por la entrepreno.

*Temas vere pri divido de la gajno inter kompanianoj.*

En la daŭro de la jaroj mi multe spertis en la salajra problemo. Antaŭ ĉio mi opinias, ke, esceptinte la ceterajn faktorojn, nia disvendado ĝis certa grado dependas de la salajroj de ni pagitaj. Kiam ni povas abunde salajrigi, tiam ankaŭ pli da mono estas elspezata, kaj tio riĉigas la negocistojn, komercistojn, fabrikistojn kaj laboristojn de aliaj entreprenoj, tiamaniere, ke ilia bonstato favore influas al nia merkato. *Altaj salajroj* ĉiuloke *signifas ĝeneralan bonstaton* supozite certe, ke la alta salajro estas la frukto de plialtigita produktado. Plialtigado de la salajro kaj samtempe plimalaltigado de la produktado estus la komenco de malboniĝado de la tutmonda ekonomio. Ni bezonis kelkan tempon por trovi la ĝustan vojon en la salajra problemo. Nur kiam sur la bazo de nia „T-modelo" la intensa produktado komenciĝis, ni povis serioze kalkuli, kiom alta la salajro devus esti. Sed jam antaŭe ni estis enkondukintaj certan „gajnopartoprenadon". Post ĉiu jara bilancado ni estis dividintaj inter la laboristaro certan parton de nia neta gajno. Jam en la jaro 1909 ni tiamaniere povis disdoni inter la laborprenantoj, sur la bazo de la efektive absolvita labortempo, la sumon de 80.000 dolaroj. Kiu laboris ĉe ni unu jaron, ricevis 5% de sia jarsalajro; por dujara servo oni elpagis 7%, kaj por trijara servo 10% de la jarsalajro. La sola manko en ĉi tiu sistemo konsistis en tio, ke la pagoj neniel rilatis al la taga produktado de la laboristo. La laboristoj ricevis siajn partojn longan tempon post la plenumo de la taglaboro, kaj kvazaŭ kiel donacon. Sed neniam estas rekomendinde miksi bonfaron en la salajran problemon. Krome la salajroj neniel estis adaptitaj al la laborefikoj. Pro tio ni en 1913 komencis aranĝi *tempmezuradon* en la miloj da aparataĵoj de niaj entreprenoj. Per tempmezuro oni teorie povas difini, kiom granda la laborfrukto de iu persono devus esti. Sen faka trastudo nek la labordonanto scias, pro kio li pagas la salajron, nek la laborprenanto, pro kio li ĝin ricevas. Sur la bazo de tiuj temptabeloj oni normaligis ĉiujn laborojn de nia entrepreno kaj fiksis ĉiujn salajrojn. Laboro pagita laŭ peco ne ekzistas ĉe ni. Parte oni elpagas al la laboristoj laŭhore aŭ laŭtage, sed en preskaŭ ĉiuj kazoj oni postulas certan normon de produktado, pri kiu oni spertis, ke la laboristo ĝin povas plenumi. Aliokaze nek la laboristo nek ni scias, ĉu la salajro efektive estas konvena. *Certa kvanto da laboro devas esti farata ĉiutage, ĉar sen tio ĝusta salajro ne povas esti pagata.* Kiel konsekvenco de tiuj firmaj faktoj oni en januaro 1914 anoncis kaj efektivigis certan projekton pri disdivido de la gajno. La plej malalta salajro por ĉiu speco de laboro sub certaj kondiĉoj estis fiksita je 5 dolaroj por la tago. Samtempe ni malaltigis la labortagon ĝis ok horoj kaj la laborsemajnon ĝis kvardek ok horoj. Ĉio ĉi okazis tute laŭ propra volo. Ĉiuj niaj salajroskaloj estis enkondukitaj same laŭ propra volo. Tamen en tio estis *nenia bonfaro.* Tio ne al ĉiu estis klara. Multaj entreprenantoj opiniis, ke ni faris la anoncadon, ĉar ni havis prosperan produktadon kaj pro tio bezonas plian reklamon. Ili severe riproĉis nin, ĉar ni renversis la malbonan kutimon elpagi al la laboristo nur tiom, aŭ eĉ malpli, ol li estas preta ricevi. Tiaj kutimoj neniel taŭgas. Ili nepre iam estos forigataj. Alimaniere ni neniam forpelos la mizeron el la mondo. Ni enkondukis la ŝanĝon ne nur pro tio, ĉar ni volis elpagi kaj kredis povi elpagi pli altajn salajrojn; ni volis pagi la altajn salajrojn por fundi nian entreprenon sur daŭrantan fundamenton. La tuto neniel estis disdivido — ni nur konstruadis utilatempe por la estonteco. Malbone paganta entrepreno ĉiam estas malcerta afero.

Malmulte da anoncadoj, ja en la tuta mondo kaŭzis tiom da komentarioj kiom la nia. Tamen apenaŭ iu ilin ĝuste komprenis. La laboristoj ĝenerale opiniis, ke ili ricevos 5 dolarojn da tagsalajro tute sendepende de la efektivigita laboro. La faktoj ne estis laŭ la ĝenerala impreso. Nia ideo estis, *dividi la gajnon.* Sed, anstataŭ atendi ĝis kiam la gajno estos enspezita, *ni ĝin kalkulis* laŭeble *antaŭe,* por ĝin aldoni, sub certaj kondiĉoj, al la salajro de tiuj, kiuj minimume depost duonjaro estas en la servo de la kompanio. La disdivido okazis laŭ tri klasoj kaj en ĉiu el ili ĝi estis alispeca. Tiuj klasoj konsistis el: 1. edziĝintoj kiuj kune vivis kun siaj familioj kaj ilin bone subtenadis; 2. fraŭloj kun pli ol 22 jaroj kaj kun elpruvitaj

mastrumaj kutimoj; 3. junaj viroj kun malpli ol 22 jaroj kaj virinoj, kiuj estis la solaj zorgantoj de iuj zorgatoj. Unuavice la laboristo ricevis sian justan salajron, kiu tiutempe estis proporcie 15% pli alta ol la kutima tagsalajro. Krome li rajtis ricevi certan parton de la gajno. Salajro kaj gajnoparto kune estis kalkulitaj tiamaniere, ke li ricevis minimume salajron de 5 dolaroj tage. La gajnoparto estis kalkulita sur hora bazo kaj aldonita al la hora salajro, tiel, ke tiuj ricevis la plej grandan gajnoparton, kiuj havis la plej malgrandan horsalajron. La gajnopartoj estis elpagitaj ĉiudusemajne kune kun la salajro. Tiel, iu laboristo kiu ekzemple pohoro havis 24 cendojn, ricevis gajnoparton de 28 c. en unu horo, sekve tagenspezon de 5 dol Kiu po horo havis 54 c., ricevis pohoran gajnon de 21 c. — lia tagenspezo do estis 6 dol.

La tuto estis speco de *bonstata dislividplano*, kiu dependis de certaj supozoj. La laboristo kaj lia hejmo devis posedi certan gradon de pureco kaj ŝtatburĝeco. Patriarkajn intencojn ni ne havis. Malgraŭ tio ekmontriĝis speco de patriarka interrilato, kaj tio estas la kaŭzo, pro kio la tuta plano kaj nia departemento por socia helpado estis reorganizitaj. Tamen la primitiva ideo estis, krei senperan incitilon al pli bona vivado, kaj la plej efika incitilo troviĝis, laŭ nia opinio en monpremio. Kiu ĝuste vivas, tiu ankaŭ liveras ĝustan laboron. Krome ni volis evitigi, ke la kvanto de la laboro estu malpliigita per plialtigo de la salajroj. Proksimume la duono de la laboristoj ricevis duoblan salajron sur la bazo de la nova plano. Sed ekzistis la danĝero, ke oni vidis en tiu plienspezo „facile gajnitan monon". Tia penso ja nepre subfosas la laborfrukton. Estas danĝere plialtigi trorapide la salajron, tute same ĉu la gajnanto ĝis nun perlaboris unu dolaron aŭ cent dol. potage. Kontraŭe, se la salajro de iu, kiu ricevis ĝis nun 100 dol., dumnokte plialtiĝas ĝis 300 dol., estas tute certe, ke li faros pli grandajn petolaĵojn ol la laboristo kies enspezo kreskis de unu dol. ĝis 3 dol. hore.

La postulitaj labornormoj ne estis bagatelemaj. En la departemento por socia helpado troviĝis 50 inspektoroj. Por ricevi la premion la edziĝintoj estis devigataj vivadi en sia familio kaj subteni ĝin. Estis necese batali kontraŭ la kutimo disvastigita inter la eksterlanduloj, akcepti en ilia domo luantojn kaj pensionulojn. Ili vidis en sia domo institucion, el kiu oni povas tiri kapitalon, sed ne kiel hejmon por loĝado. Junuloj kun malpli ol 18 jaroj, kiuj subtenis parencojn, ankaŭ ricevis premion, same fraŭloj kun sana vivado. La plej bona pruvo por la feliĉa influo de nia sistemo vidiĝas el la statistiko. Tuj post ĝia enkonduko oni deklaris 60% de la viroj rajtigitaj je la premio. La proporcio plialtiĝis post 6 monatoj ĝis 78%, kaj post unu jaro ĝis 87%, dum post 18 monatoj malpli ol unu procento ne ricevis la premion. La sistemo iomete estis plibonigita sed principe ĝi restis la sama: Kiam oni de iu postulas, ke li donu sian tempon kaj sian energion por certa entrepreno, tiam oni zorgu por ke li ne havu financajn malfacilaĵojn. Tio portos siajn fruktojn. Niaj gajnoj kiuj malgraŭ konvenaj salajroj kaj premioj antaŭ la ŝanĝo de la sistemo estis 10 milionoj da dolaroj po jaro, pruvas, ke *altaj salajroj estas la plej profitiga el ĉiuj aferaj principoj*

Tradukis: *J. Schmid,* Bern.

---



---

# Lingvisto Collinson pri Esperanto.

Sub la titolo „Esperanto kaj ĝiaj kritikantoj" la Brita Esperanto-Asocio ĵus eldonis angle tre gravan broŝureton 11-paĝan por kontraŭbatali la malpravajn kulpigojn de idistoj kontraŭ nia lingvo. Oni scias ekzemple, ke la komisiono por intelekta kunlaborado estis superŝutata per idistaj propagandiloj por pruvi al ĝiaj membroj, ke Esperanto neniel taŭgas, ke ĝi estas ne parolebla, ne skribebla, plena je konfuzaĵoj, ridindaĵoj, mallogikaĵoj, ktp. Tiajn propagandilojn uzas agentoj de la nuna franca registaro por sia, ne nur interna *sed eksterlanda* militado kontraŭ Esperanto.

Ĉe la publiko tiuj argumentoj ne multe efikas, ĉar oni ja konstatas, ke la foiroj, la komercaj ĉambroj, la senfadenistoj uzas ja Esperanton kaj ne aliajn mondlingvojn, sed ĉe certaj intelektuloj, ne konantaj la lingvon, tiaj broŝuroj kreas antaŭjuĝojn, kiujn povas eviti nur scienca respondo aŭ senpartia ekzameno de spertuloj.

Pro tio ni jam de longe proponis al la Akademio prepari taŭgan respondon al tiaj kritikoj bazante sur la lingvaj faktoj mem. La prezidanto Prof. Cart opiniis, ke tio ne estas la tasko de la Akademio. Tial ni petis konsulton de konata lingvisto, kiu studis ambaŭ Esperanton kaj Idon, D-ro Collinson, profesoro de lingvoscienco ĉe la Universitato de Liverpool.

Senpartian, objektivan respondon li donis kaj ni petis la B. E. A. ĝin presigi. Al ambaŭ ni dankas tutkore pro ilia afableco. La lingvista respondo de P-ro Collinson pri Esperanto kaj Ido estas tre grava dokumento, kiu meritus tradukiĝi kaj eldoniĝi en aliaj naciaj lingvoj laŭbezone.

Prof. Collinson ekzamenas la kritikojn pri alfabeto, elparolado, akcento, eŭfonio, artikolo, akuzativo, pronomoj, adjektiva akordiĝo, nombroj, infinitivo, vortetoj, sufiksoj, derivado, vortaro kaj finas per ĝenerala konkludo. Multajn kritikojn li montras kiel tute malpravajn kaj erarajn klarigante la taŭgecon de esperantaj formoj. Pri kelkaj li konsentas parte, sed montras, ke la rimedo proponita de idistoj estas ja pli malbona ol la kritikata formo, kiel ekzemple en la alfabeto.

Senpartia kaj senpasia komparo inter Esperanto kaj Ido kondukis profesoron Collinson, lingvistan lerninton kaj kolegon de Jespersen, al malsama opinio pri la plej bona solvo de mondlingvo: „En gravaj punktoj Ido estas malprogresa, kaj atenta ekzameno de ambaŭ lingvoj ne subtenigas la opinion ke, entute, Ido reprezentas antaŭenpaŝon je Esperanto ... Ĝis io multe pli bona ol Ido alvenos, Esperantistoj ne estos tentataj forlasi lingvon, kiun ili vere ŝatas kaj lernis uzi kun lerteco, gracio kaj povo."

La plej bona pruvo de tio estas la senĉesa apero de novaj lingvaj sistemoj post Ido, jam konsiderata kiel „antikvaĵo". Pri ĝia peza malgracieco P-ro Collinson skribis tre trafan paĝon citante vortojn, kiel *exkuzez, desavantajizata, rekonstitucesez, limitizesir, desespereskis*. Mankas tie la genia muzikema tuŝo de Zamenhof.

Ke iam la mondo devos paroli tian buŝrompigaĵon, tion neniu bezonas timi. Kiam senpartia literaturisto, kiel Romain Rolland, ekzamenis ambaŭ lingvojn, li poste juĝis, ke Ido aspektas science peza kaj pedanta, dum Esperanto estas pli elasta kaj poezia kaj oni sentas en ĝi la vibradon de vivanteco. Pri la entuta sukceso de sia lingvo multaj idistoj jam sincere rezignis, sed kelkaj fanatikuloj volus almenaŭ malhelpi la sukceson de Esperanto per kalumnioj. Tial ili akceptas malindan kunlaboron kun la malamikoj de la mondlingva ideo. En tiu klopodo ili ankaŭ ne sukcesos, sed estas bone, en certaj okazoj, elkrevigi iliajn bombetojn per trankvila gesto.

Al tiu tasko bonege utilas senpartiaj dokumentoj kiel la respondo de P-ro Collinson. Pro lia profunda kono de nia lingvo, tiu lingvisto meritus iam eniĝi en nian Akademion, en kiun li alportus larĝan sperton kaj sciencan kompetentecon.

# LITERATURO

## Ridetu, kara!

de Julio Baghy.



*Ridetu, kara! Tutkoran dankon psalmas la rideto*
*al Disinjor' de altaj sferoj*
*pro la mildigo de l' suferoj.*
*Ridetu, kara! Tutkoran dankon psalmas la rideto.*

*Ridetu, kara! Dormigu lulu veojn de l' doloro*
*kaj vindu vundojn per balzamo*
*de konsolanta kora amo.*
*Ridetu, kara! Dormigu lulu veojn de l' doloro!*

*Ridetu, kara! Sekigu salajn larmojn de l' poeto,*
*se premas lin zorgplena peno,*
*se li silentas pro la spleno.*
*Ridetu, kara! Sekigu salajn larmojn de l' poeto!*

*Rideto via sin banis en la fonto de l' radioj*
*kaj ŝprucas perlojn de l' ĉielo*
*por ravi min pri ties belo.*
*Rideto via sin banis en la fonto de l' radioj.*

*Rideto via disverŝas mildan lumon de l' konsolo,*
*cikatrojn tuŝas kun kuraco,*
*ke ilin kovru kora paco*
*Rideto via disverŝas mildan lumon de l' konsolo.*

*Rideto via inspire kisas frunton de l' poeto.*
*La Muzo sendas per ĝi lumon*
*repreni la ĵetitan plumon.*
*Rideto via inspire kisas frunton de l' poeto.*



## Nova Jaro

de Clarence Bicknell. †



*Kiel la sun' leviĝas el la limo*
*De l' horizonta nokta nebularo,*
*Tiel kun lum' por ĉiu homanimo*
*Alvenu la Novjaro.*

*Kiel printempaj floroj ĉiun vojon*
*Ornamas kaj triligas en l' arbaro,*
*Tiel al ĉiu kor' kaj lando ĝojon*
*Alportu la Novjaro.*

*Kiel trankvile malaperas l' ondo*
*Post la venteg' terura sur la maro,*
*Tiel dolĉegan pacon al la mondo*
*Redonu la Novjaro.*

*Do al ni venu, kaj ne plu foriru,*
*Ho lumo, ĝojo, pac' — ĉielbenaro!*
*Por ke renaskiĝinta tero diru*
*„Jen vera nova jaro“.*

## La Balkono.

Charles Baudelaire.



*Patrin' de l' rememoroj, mastrino de l' majstrinoj,*
*Ho, mia tutplezuro, ho, mia ĉefa dev'!*
*La ravon de l' vesperoj, de l' kisoj, de l' alklinoj,*
*La ĉarmon de l' fajrejo raportas vi en rev',*
*Patrin' de l' rememoroj, majstrino de l' majstrinoj!*

*Vesperoj en la lum' de l' ardaĵa ruĝkolor'!*
*Vesperoj sur balkono sub rozvual' vapora!*
*Ho, dolĉa via sino, ho bona via kor'!*
*Ni diris ofte vortojn kun senc' eternvalora ...*
*Vesperoj en la lum' de l' ardaĵa ruĝkolor'.*

*Ho kiel belaj sunoj en la vesperoj varmaj!*
*Profunda nun la spaco! potenca nun la kor'!*
*Klinante min al vi, ho reĝino de la ĉarmaj,*
*Ĉu sentis mi parfumon de via sang-odor'?*
*Ho kiel belaj sunoj en la vesperoj varmaj!*

*Densiĝis nokt' simile al nigra ŝtonkurten',*
*Pupiloj viaj tamen albrilis divenataj.*
*Mi trinkis vian spiron, ho dolĉe! ho venen'!*
*Piedoj viaj dormis en miaj manoj frataj.*
*Densiĝis nokt' simile al nigra ŝton-kurten'.*

*La ĵuroj, la parfumoj, la kis' kaj kis' sen fin',*
*Ĉu ili renaskiĝas el akvoturn' senfunda,*
*Kiele suno juna ĉiele levas sin,*
*Post kiam ĝi sin lavis sur fund' de l' mar' profunda?*
*Ho ĵuroj, ho parfumoj, ho kis' kaj kis' sen fin'!*

El la franca: *K. de Kalocsay.*



## Trankvilu kor'

de Asnyk.



*Trankvilu kor'! silentu plor'*
*Pri viaj perdoj en doloro ...*
*Salutu jen al ruĝ-maten'*
*De naskiĝanta mond'-laboro ...*

*Vi benu nun al nova sun',*
*Al novaj floroj, nova tempo,*
*Al freŝ-esper', al freŝ-ofer',*
*Al freŝ-juneco kaj printempo ...*

*Al pens' kaj sent' de juna gent'*
*Salutu Vi kun kor' amanta,*
*Al nova cel' kaj nova bel',*
*Sur niaj cindroj ekfloranta ...*

*Benportu kor' al novdolor'*
*Kaj de amantoj nova ĝuo,*
*Al spika or', rikolta hor',*
*Kaj al eterne nova bluo!*

Tradukis *Leo Belmont.*

# NUNA POETO ESPERANTA *JULIO BAGHY*

de Edmond Privat.

Fariĝis jam banalaĵo tion ripeti: la redaktoroj de nia gazetoj ricevas tro da versaĵoj amatoraj, kortuŝe bonintencaj sed literature senvaloraj. Kiam aperas vera poeto, vera originala verkanto kun majstra uzpovo de la lingvo kaj potenca inspiro de l' animo, tiam la okazo meritas atentigon. Ĝi signifas ĝojon por la redaktoroj, ĝuon por la legantoj, riĉigon kaj plivivigon por Esperanto.

La partoprenintoj de nia XIVa en bela Finnlando memoras sian admiran surprizon aŭdante la talentan poeton Kalocsay deklami sian festan „runon". Eble neniu pli bele ol li scias kompreniĝi per Esperanto la hungaran animon. Hodiaŭ mi volas laŭdi alian hungaron, kiu ankaŭ alportis al nia lingvo novan riĉaĵon per siaj originalaj poemoj.



JULIO BAGHY

*Julio Baghy* sentas sin homarano. Militkaptite en Siberio li travivis kaj kunspertis la homajn dolorojn kun suferantoj el multaj nacioj. Kiom da longaj horoj, longaj tagoj, longaj noktoj lin turmentis la sama zorgo kiu mordadis la koron de l' kunsortanoj!

*„Pravas vi! Penson pri mizer'*
*portas mi larme kun sufer',*
*ĉar hejme vokas min infan',*
*eble malsana nun, sen pan' . ."*

En sia nova poemlibro *„Preter la Vivo"* (Budapest, Literatura Mondo) Baghy ripete bildas tiun malgajegan vivaĉon, dum kiu la plej granda ĝojo estis iam ekvido de orbukla kapeto sub la fenestro. Jen knabino sendas kisojn per manetoj al la kaptito:

*„Sinsekve kis' post kiso venas . .*
*Ho, ne koleru rusa car',*
*ĉar kiu min al koro prenas*
*nur vivas en la kvina jar' !"*

Reveninte hejmen al Budapeŝt, Julio Baghy reprenis la profesian laboron jam patran:

*Drama aktoro estis mia patro,*
*sortorompita, kara maljunul',*
*kiu, ludante rolojn en teatro,*
*larmojn elvokis ĉiam el okul' . . .*

*Drama aktoro estis mia patro . . .*
*Mi, obeema lia fila id',*
*por mi elektis rolojn en teatro*
*viŝi ĉi larmojn per — tutkora rid'.*

Ni ja vidis mem en Nürnberg kiel talente la komika aktoro aranĝis la „Kabaredon" de *Literatura Mondo* kun D-roj Schwartz kaj Kaloczay. Ĝi estis neforgesebla vespero.

Estas jam klasikaĵo en multaj naciaj literaturoj, ke sub la komikulo kaŝiĝas animo malĝoja, batas sentema koro. Tiel okazas kun nia poeto. Neniam lia liro pli bele sonas ol kiam li kantas melankolie la ĝemon de l' homoj malfeliĉaj, de l' soldatoj fratemaj devigataj al buĉado, de l' patrinoj korŝirataj pri la edzo for en milito. El Siberio li alportis al ni tiun mirindan lulkanton „Baju, baju, bajuŝki" kiel flustras patrinetoj por dormigi sian infaneton dum tremas ligna domo sub vento siblanta:

*„Baju, baju, bajuŝki . . .*
*Dormu sonĝe, dormu vi . . .*
*Veni' alportas sangan krion*
*tra l' glacia neĝa val! . . .*
*Lastaspire petas Dion*
*preĝ' de l' patro en batal' . .*

*Baju, baju, bajuŝki . .*
*Ho, fileto, dormu vi . .*
*Kri' de l' morto, son' de l' plor'*
*flugu for de via kor' !*
*Baju . . baju . . bajuŝki . . .*
*Dormu filo, dormu vi!"*

Kiu aŭdis (en Nürnberg) tiun kanton kun muziko de Ammer neniam povas poste ĝin forgesi. Tiom da suferoj viditaj kaj spertitaj naskis en koro sentema la ribelon kontraŭ la krimuloj kaj trompuloj trouzantaj la popolojn cedemajn kaj ĝuante la lukson de militprofitoj:

*Senzorge luksajn vestojn*
*infanoj viaj portas;*
*malsato la intestojn*
*de miaj idoj tordas."*

Simpla, forta lingvo esprimas la kontrastojn en „Krioj de l' mizero". Jes, se revenus hodiaŭ la Instruinto al paco kaj al amo inter homoj, oni Lin krucumus denove, kantas Baghy en „Larmoj de Kristo". Ĉu do levi sian glavon kontraŭ la trompuloj kaj venĝi denove sangon per sango? En „Revoluciaj dioj" la poeto montras kiel rimedoj povas ŝmiri celon. En sango li volas trempi nur la plumon por alvoki en la nomo de l' milionoj da vunditoj kaj orfoj:

*„Homo serĉu la homecon!*
*Plendaj larmoj de viaj infanoj*
*por vivo petegas kompaton,*
*ĝis ne venos venĝuraganoj*
*por tutneniigi, mondon, vin,*
*nur malindan je la homdestin'.*
*Homo, serĉu la homecon!"*

Tion li konkludis en sia soleca sufero en Siberio, kien lin sekvis la homara alvoko de Zamenhof al fratemaj koroj, kaj kien

*„La famon ne brue,*
*nur poste, malfrue, —*
*simile al eĥo de mortkrio*
*mallonga sciigo alportis:*
*La Majstro mortis!"*

Tamen nek al tondranta profeto, nek al ĉiomklera filozofo sin memaltigas Julio Baghy. Li restas poeto, modesta homo, ĉiutage perlaboranta sian malfacilan vivon kaj konservante por ni karan angulon de sia koro.

*„Nur tiu donas sin, kiu la koron donas."*

Tion li skribis ie sur albumo. Pri siaj poemoj li parolas humile:

*„Floron, ĉifonon, la ridon kaj larmon,*
*homo akceptu de mi . . .*
*Ĉion mi donas kaj ĉion disĵetas,*
*kion mi havas en tiu ĉi mond'*
*por ke vi ridu kaj larmu sincere,*
*sonĝojn naivajn de mondvagabond' . . .*

Ni dankas al li pro la bela donaco. Ni ĝin ŝatas, ni lin amas. Lasu al la recenzisto la sciencplenan analizon pri la stilo kaj al belokulaj fraŭlinoj la studon de l' poemoj pri amo. Nur volis mi transdoni al vi la guston eklegi Baghy. Kiu diris, ke Esperanto ne povas esprimi bele la sentojn de l' koro? Tiu certe ne legis „Preter la Vivo".

## Simpla leganto kaj — kritikisto

de *Miroslav Rutte.*

Se vi legas libron, vi donas vin al ĝi kun fido, vi donas viajn koron kaj pensojn, ke ĝi ilin gvidu kaj multigu. Viaj rememoroj kaj esperoj vekiĝas, viaj ĝojoj kaj doloroj respondas. Vi trovas vin mem rigardante aliajn animojn. Iam estas al vi kvazaŭ vi aŭskultus belan kaj mallaŭtan muzikon: Frazoj pasas, vortoj venas kaj foriras kaj ia fluo forportas vian koron: vi forgesas, ke vi sidas en kaŝejo de kvar konataj muroj, en kiu lumas lampo kaj ke horloĝo malrapide mezuras la tagon, kiu finiĝas. Vi estas ie ekster la spaco kaj la tempo. Kaj subite vi tralas vin, ke vi promenas tra fremdaj urboj, kiujn neniam vi eniros kaj ke vi travivas neantaŭviditajn kaj glorajn okazaĵojn, kiujn la sorto neniam travivigos vin. La vizaĝoj de staturoj iom post iom malaperas kaj estas via kaŝita, interna vizaĝo, kiu anstataŭas ilin. Vi intermiksiĝas kaj estas momentoj, en kiuj vi ne plu distingas, kie ili finas kaj kie vi komencas. Via amo multiĝas per ilia amo, via kredo kreskas per ilia kredo kaj via angoro estas pli peza ol ilia angoro. Estas momentoj, kiam vi tute vin donas al ilia sorto, kvazaŭ vi estus foriranta malproksimen de vi mem; sed poste estas ree momentoj, kiam la vortoj vekas ian kaŝitan kaj profundan vivon de via propra animo, kaj kiam la epokoj estas sole la ritmo, laŭ kiu vi kantas melodion de via propro vivo. Tiam vi kunlaboras kun la poeto: en vi aperas bildoj respondantaj al liaj bildoj, viaj pensoj aldonas sin al liaj pensoj kaj via koro estas loko, en kiu denove plenumiĝas lia misio. Iu nekonata igis por momento ankaŭ vin kreanto; kaj por tiu vi estas danka al li kaj vi rememoras lin kiel bonan amikon, kies vizaĝon neniam vi vidis kaj eble eĉ ne vidos. La libro ĉesas esti libro, ĝi estas okazaĵo, pri kiu post iu tempo vi rememoriĝos pli intense ol pri multa efektiva okazintaĵo.

Do — al tiu ĉi ĝojo sin doni ne ĉiam estas permesite al la kritikisto. Li devas resti nekredema kaj singarda, li devas senĉese esploradi la rimedojn, per kiuj la aŭtoro celas estri lin, li konstante devas atentege gardi la limon inter sia kaj lia mio. Li ne rajtas esti kunpoeto, ĉar lia tasko estas skribi pri la poeto kaj ne pri si mem. Anstataŭ la ĝoja sindono aŭ la elementa rifuzo, kiuj estas viaj plej fortaj travivaĵoj el la libro, li devas ĉiam subpremi siajn plaĉojn kaj malplaĉojn, por nemezuri per ili: ĉar lia tasko estas klarigi, klasigi kaj taksi, dume vi povas el ĉiu libro fari vian libron. Li devas zorgi, ke vi estu efektive ravita kaj ne delogita, ke la aŭtoro estru efektive viajn fortojn kaj ne viajn malfortecojn. Li devas esti antaŭe konvinkita kaj nur poste li rajtas ami; ĉar ekzistas libroj kiel homoj, kiuj vekas amon ne estante indaj de ĝi, ekzistas libroj kiuj estas metiaj kiel insidaĵoj kaj kiuj ruze vin flatas por kovri sian malriĉecon.

Trad. el la ĉeĥa *Rud. Hromada.*

## AL NIAJ KUNLABORANTOJ

☆

**Oni sendu la manuskriptojn, kronikaĵojn, anoncojn ĝis la 15a de ĉiu monato por apero en la sekvanta monato.**

☆

## TRA LA LIBRARO.

Detala raporto pri ĉiu publikaĵo okupis tro ampleksan lokon en nia gazeto. Estonte la eldonaĵoj estos bibliografie notataj en la rubriko „Novaj libroj". Sub titolo: „Tra la libraro" aperos ne plenaj sciencaj prilingvaj recenzoj, ĉar multaj aliaj gazetoj jam daŭre komisiis al lertaj kunlaborantoj tiun tre utilan laboron, sed pli simplaj ĝeneralaj impresoj de nura leganto, celanta informi aliajn legantojn pri la enhavo de la plej rimarkindaj novaperintaj verkoj.

**Zamenhof'a verko. — Joseph Rhodes. — Litova Almanako. — La Reĝo Judea. — Akbar. — Bukedoj. — Sub la neĝo. — Eklumo en la Abismo. — Lernolibroj. — Vortaroj kaj Enciklopedio.**

* * *

Al ĉiu sinjoro estu lia honoro. Ĉar aperis nova libro de l' majstro, decas unue priparoli ĝin. El la **„Fabeloj"**[1] de *Andersen*, tradukitaj de **Zamenhof**, kelkaj aperis en *La Revuo*, kaj unu, „La virineto de l' maro", en la Fundamenta-Krestomatio. Sed plenan kolekton ni ĝis nun ne havis, kaj ĝojiga okazo estas ekposedi novajn, ne ankoraŭ aperintajn tradukojn de la kreinto de Esperanto. Dekok fabeloj, unua parto de l' tuta aro, pleniĝas la multenhavan volumon. Pri la fabeloj mem, ne necesas raporti; ili estas ĉies konataĵo. Pri la stilo de l' traduko, ni fojon plian admiras ĝian simplecon kaj klarecon. Neniam oni devas, kio okazas tro ofte ĉe aliaj, dufoje legi frazon por ĝin kompreni. Zamenhof ne ŝatis streĉi tutan ideon en unu multradika enigma kunmetaĵo; li preferas ĉion klare diri, plej ofte laŭ la natura vortordo, en ĉiam bone dividitaj frazoj, ne timante ripetaĵojn. Por la harfenduloj kaj novaĵserĉantoj, tiun por ni klasikan stilon oni povos ĉiam prezenti, kiel imitindan modelon. En tia jam de jaroj tradukita teksto, ni ne elĉerpos novajn radikojn; ni tamen rimarkis „ŝrumpi", kiun antaŭ nelonge oni diris nova.

* * *

Ankaŭ pioniro, inter la unuaj en Anglujo, estis **„Joseph Rhodes"**.[2] Bone agis liaj samlandanoj decidinte malforgesigi lian vivon kaj agadon per libro, kiu ne estas nura biografio sed samtempe historio de l' esperanta movado en Anglujo. La libron verkis angle S-ro *John Merchant*, kaj tradukis F-ino *Louise Briggs*. Tiuj konataj nomoj garantias la valoron de tiu interesa verko pri apostolo de Esperanto. Malnovaj samideanoj plezure relegos pri konataj personoj aŭ okazoj, novaj ĉerpos el ĝi fervoron kaj persistecon. En tia teksto, la angla kutimo de rekta alparolo aŭ anonco de aŭtoro al leganto estas pli plaĉa ol en romano. La stilo estas agrabla, ofte figura; eble eĉ tro en tiu frazo: „la tabulo kolapsis sub paŝado". „Dejni" (bonvoli) estas nova radiko. Kelkaj detaletoj surprizas: stranga ortografio de fremdaj nomoj, „kvinpunkta" por kvinpinta stelo, kaj tiu esprimo pri ĝi: „mi havas unu antaŭ mi „kiel" (dum) mi skribas.

* * *

Rhodes dediĉis sian grandan vortaron: Al la angleparolantaj popoloj kiuj, se ili bezonas malpli ol aliaj internacian helplingvon, eble plej profitos el la uzo de Esperanto. Li prave tiel subdiras, kiom malgrandaj nacioj urĝe bezonas la interlingvilon. Ankaŭ tion konsciis la eldonantoj de **„Litova Almanako"**.[3] Ili celas per ampleksa kolekto da versaĵoj kaj prozaĵoj konigi al ni la landon, popolon, vivon, historion, literaturon litovan. Tial ni nun posedas pri Litovio dokumentaron, kiun oni malfacile trovus en iu nacia lingvo; tiaj specialaj kolektoj estas senrezerve rekomendindaj al legantoj por ilia instruiĝo, kaj al nacietanoj, kiel plej bona rimedo akiri simpation translime. Krom la historiaj aŭ ekonomiaj artikoloj, la specimenoj de malmulte konata literaturo certe estos ŝate akceptataj.

* * *

1) Esperantista Centra Librejo, Paris.
2) Eld. de Federacio Esperantista de Yorkshire.
3) Eld. de Litova Esperanto-Asocio.

El la samo lando elvenas dua eldono de dramo tradukita el la rusa lingvo. La unua eldono aperinta ĝuste antaŭ la milito, dum ĝi malaperis. La aŭtoro, nur montrita per la literoj: *K. R.* estas, laŭ la eldoninto, talenta rusa mortinta poeto; lia dramo: **„La Reĝo Judea“**[4]) estis ludata en Rusujo. La tradukon verkis *V. Devjatnin*, kies kapablo por esperanta poezio estas konata. La temo: turmentado de Kristo, lia morto kaj reviviĝo, respektas la evangelian tekston kaj la aldonitaj personoj aŭ agoj tute ne kontraŭas tradicion aŭ religian senton. La versoj de l' traduko, ĉiam regulaj kaj tuj kompreneblaj (kaj tio jam estas neofta laŭdo) estas laŭ la dekunusilaba germana heksametro kaj senrimaj; ili do similas tiujn de Natan la Saĝulo, sed pli respektas la esperantan propran spiriton. Pri ambaŭ verkoj, nura lego estas interesa sed ne vekas fortan emocion; estas tamen kredeble, ke ludo sur scenejo antaŭ taŭgaj dekoracioj, kaj deklamado de artistaj aktoroj, farus el La Reĝo Judea impresigan spektaklon; ankaŭ la grado de l' kredo ĉe la aŭskultantaro kreus medion pli malpli favoran por tiu religia tragedio.

* * *

Jus temis pri glorigo de l' kristanismo. La funda ideo de l' romano: **„Akbar“**[5]) kontraŭe estas la klopodo de inteligenta potenca monarĥo, kiu volis unuigi la diversajn regatajn popolojn, ĉerpante en ĉiu ties kredo ĝian altan esencon kaj kreante super-religian filozofion. Malgraŭ tiu spirita tendenco kaj sia fidinda historia valoro, Akbar restas vera romano kun interesa priama intrigo: ĝi estas samtempe instrua kaj distra, kaj tre lerte verkita; ĝi estas komparebla kun pli famaj alilingvaj historiaj romanoj. Ankaŭ en la esperanta traduko, oni scivole kaj senpene iras de l' komence ĝis la fino, ĉar kvankam ne simpla, la teksto estas ĉiam bone komprenebla. La tradukintoj inklinas al novaj vortoj, sed malkaŝe, ĉar ili aldonis ties liston. Teknikaj esprimoj, kiel esperantigoj de hindaj vortoj estas facile akceptataj. Restas duba ĉu „darfi“ (havi permeson) ŝajnos necesa al negermanoj Sed nedubebla estas la serioza laboro de l' tri tradukintoj kaj la profitiga lego, kiun ili ebligas al ni.

* * *

Kun tiom da personoj kaj faroj, Akbaro estas vera arbaro Promeninte en ĝi, ni nun iros kolekti la **„Bukedon“**[6]) reviziitan de *Zanoni*, kaj la **„Bukedeton“**[7]) de S-ino *Krestanoff*. La unua, naŭflora, konsistas el literaturaĵoj presitaj en „Esperanto Triumfonta“ kaj verkitaj de naŭ aŭtoroj; la dua, sepflora, estas kunmetita de sola mano el sep diversaj bedoj. Floroj de ambaŭ havas vivan koloron kaj apartan odoron; ambaŭ libretoj prezentas facilan legaĵaron, ŝatindan kiam limita tempo aŭ poŝo ne permesas eklegi aŭ kunpreni pli ampleksan volumon.

* * *

Preskaŭ la samon oni povas ĝenerale diri pri la libretoj de l' Esperanta Biblioteko Internacia; la komedieto: **„La Amkonkurantoj“**[8]) de *Reinhold Schmidt*, ne pretendas esti pli ol amuzaĵeto. Escepta triobla numero de l' sama kolekto konsistas el dua eldono de franclingva novelo: **„Sub la neĝo“**[9]) tradukita de nia malnova samideano, S-ro *J. Borel*. Por junuloj ĉefe, kaj kiel facila legolibro ĝi estas destinita. Tio ne malhelpas, ke la verko mem kaj ĝia traduko ne estas infanaĵo, sed kontraŭe posedas edukan kaj literaturan valoron.

* * *

Akrega kritiko de l'nuna socio kaj proponoj por ŝanĝi ĝin, jen la temo de *H. Barbusse* en: **„Eklumo en la Abismo“**.[10]) La terura priskribo de l' postmilita tempo estas cetere pli impresa ol la eklumoj ankoraŭ iom ŝanceliĝaj. La traduko de tiu alvoko al detruo de l' imperiismo kaj kapitalismo ne forprenis la energion de l' originalo; trolaŭvorteco, eraroj aŭ mankoj de interpunkcio, igas longajn frazojn neklaraj. Ni citu el la antaŭparolo jenajn interesajn dirojn de Barbusse pri Esperanto:

„Ne utilas internacie paroli, se ne per lingvo internacia... La vera naskiĝo de universala konscienco datumos de la esperantista literaturo verkaro... La vere profunda fratiĝo devenos de la komuna uzado de la samaj vortoj... Ni ĉiuj senlace klopodu kompreniĝi al tiuj, kiuj nin ĉirkaŭas, la netakseblan utilon de la lingvo internacia. Ĝi malfermas pordon al libereco kaj lumo. Ĝi ebligas al homaro eliĝi el si mem por grandiĝi, por radii... Dank' al ĝia skema kaj scienca formado, kiu donas al ĝi absolutan fleksebleccon de preciza ilo, kaj, ĉar ĝiaj vortoj ne estas eluzitaj, fuŝitaj, kripligitaj, Esperanto estas la lingvo de la nova ordo.“

* * *

La bona **„Demandaro“**[11]) de *Ladevèze*, reaperis reviziita kaj kompletigita de *P-ro D-ro Göhl*. Tre taŭga resumo pri ĉio koncernanta nian movadon, bezona por seriozaj lernantoj kaj kandidatoj al ekzamenoj. La modeloj de komercaj leteroj de l' **„Esperanto-Briefwechsel“**,[12]) teksto germana kaj esperanta de S-roj *Max Butin* kaj *Friedrich Jahn*, estas same rekomendinda por komercaj rondoj. La **„Esperantisto en Germanio“**[13]) de *Hans Koch* havas tiun apartan intereson ke ĝi estas, verkita esperante kaj do uzebla de ĉiulandaj samideanoj, lernolibro por ekstudi la germanan lingvon.

* * *

Se antaŭ kelka tempo mankis bonaj vortaroj por germanoj ili baldaŭ plendos pri troa riĉo. La **„Handwörterbuch Esperanto-Deutsch“**[14]) de *Bennemann* estas bone presita, bindita, taŭge aranĝita kaj liveras multon, vortojn kaj ekzemplojn, rilate al sia amplekso. Oficialigitaj radikoj estas signitaj, kaj novaj, proponataj de l' aŭtoro estas nemultaj kaj ĝenerale aprobindaj.

* * *

**„Deutsch-Esperanto Wörterbuch“**[15]) de *P. Christaller* estas ankaŭ rimarkinde riĉa kaj plaĉe prezentita. Sed la abundeco de proponataj simpligoj kaj novvortoj ne renkontos unuaniman akcepton.

* * *

Lasta sed ne malpli grava estas la **„Enciklopedia Vortaro“**[16]) de *Eugen Wüster*. Unua parto ĵus aperis; post presigo de l' sekvantaj kaj de l' enkonduko, detala studo de fakulo pri tiu vortarego estos dezirinda. En la antaŭparolo, pli tuje komprenebla ol jam legitaj tekstoj de l' sama aŭtoro, sed ankoraŭ tro videble tradukita el la germana, estas montrataj la celoj de l' verko. S-ro W. timas la anarĥian liberan evoluon de nia lingvo, kiu nepre okazos se ĉiu ajn uzas novajn esprimojn. Iu aŭtoritato devas havi tiun taskon kaj liveri provizon da rekomenditaj vortoj; ĝi tiucele unue bezonas la kolekton de la jam ekzistanta materialo. Tiun kunigis S-ro W. en verko iom simila al la Plena Vortaro de Boirac, sed multe pli kompleta, pli detala, kun ĉiuj kunmetitaĵoj, precizaj signifoj, sinonimoj, ekzemploj, fontoj, k. t. p. Kvankam germanaj estas la tradukoj, la libro tamen estas bone uzebla por ĉiulingvanoj, kiuj miros pri la kolosa laboro de l' aŭtoro kaj estos dankaj al li pro grandvalora lingvilo.

12 novembro 1923. *G. S.*

---

4) Eldono P. Medem, Kaunas.
5) Eld. de la tradukintoj: Gesinjoroj Isbrücker kaj J. Ziermans, s'Gravenhage.
6) Eld. T. & H. Jung, Horrem bei Köln, Germanlando.
7) Eld. Oskar Ziegler, Deisenhofen bei München.
8, 9, 11, 12) Esperanto-Verlag, Ellersiek & Borel, Berlin kaj Dresden.
10) Eld. de Sennacieca Asocio Tutmonda.
13) Eld. Oskar Ziegler, Deisenhofen b. München.
14) Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig.
15) Ellersiek & Borel, Berlin kaj Dresden.
16) Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig.



# INTER NI



Nia kunfrato „Pola Esperantisto“ ŝatas polemiki. Ni ne. Sed kiel ĉiuj bonaj esperantistoj, niaj polaj samideanoj rajtas ricevi respondon al siaj demandoj, eĉ se tiu respondo jam estis donita plurfoje antaŭe, kiam la demandinto kredeble ne legis niajn gazetojn.

Nu la „Pola Esperantisto“ volus scii kial „kelkaj gvidpersonoj en la utilega kaj tre serioza organizaĵo UEA .. daŭrigas diri „Svisio“ kaj por nenio en la mondo decidiĝus elbuŝigi „Svisujo“?“

Jam de pli ol du jaroj la oficiala organo de UEA ne plu uzas la vorton „Svisio“ sed ĉiam la formon „Svislando“, preferatan de la svisoj mem kaj tute laŭfundamentan. Do pro kio plendas nia kunfrato kaj je kio rimas lia prediketo al la svisoj pri ŝovinismo, sennacieco, komunismo, patrujo kaj antisemitismo? La svisoj estas modesta popoleto kaj ili plejmulte faras trankvile sian laboron ne zorgante pri tiom da grandaj vortoj kaj nebatalante inter si pri lingvoj. Eble UEA iom heredis el tiu atmosfero.

Nun fine ni trovis. Efektive en la jarlibro kaj en unu delegitara listo troviĝas ankoraŭ iaj tiaj malbenindaj „Svisio“ flanke de multaj laŭleĝaj „Svislando“. Se nia pola kunfrato konsentas vizi la pasportojn de la sovjeta „Ĉeka“, ni venigos tiujn senkompatajn juĝistojn por puni, kiel li meritas, la malfeliĉan oficiston, kiu postlasis erare tiun teruraĵon. Intertempe ni zorgos, ke en la venonta jarlibro, kiun oni jam verkas nun, kaj kiu fariĝos la jarlibro de la tuta Esperanto-movado oni nepre metu ĉie „Svislando“ por kontentigi la bonajn amikojn de niaj Alpaj montoj en Varsovio, en la Akademio kaj ĉi tie. Pri „Svisujo“ eble oni afable permesos al la svisoj rezigni, ĉar ili neniam ŝatis la vorton kaj havas certe la rajton preferi „Svislando“ por nomi sian propran teron. Depost la iniciato de nia bedaŭrata H. Hodler antaŭ ses jaroj, kaŭzita de la kreo de novaj eŭropaj landnomoj kiel Ĉeĥoslovakio, Jugoslavio, similaj al la Zamenhofaj Brazilio, Bolivio ktp., la grandega plimulto de l' anoj de UEA prefere uzas tiun lastan finaĵon pro la poŝta internacieco. UEA devas respekti la dezirojn de siaj membroj, kiuj formas demokratan organizaĵon kaj kies centra oficejo ne povas tute malatenti la multajn leterojn ricevitajn kontraŭ la apliko de *-ujo* al landnomoj.

Sed ĝi volas kaj devas ankaŭ respekti la necesan disciplinon rilate al niaj lingvaj institucioj eĉ post kiam la „Pola Esperantisto“ mem plendis, ke ili tro pasie voĉdonis pri tiu afero „en imageble plej faciligita sed malplej objektiva maniero: anstataŭ preni sub konsiderado geografion, historion, tradicion, lingvosciencon . .“ („Pola Esperantisto“ de januaro 1923).

Do por respekti la necesan disciplinon, la oficistoj de UEA ricevis la peton oferi sian preferon, iri malantaŭen sur la vojo de unuformeco kaj ne plu uzi la finaĵon *-io* kiel sufikson (ekz. Britio, Polio, Grekio), ĉar tion oficiale malkonsilis la Lingva Komitato. Ili ricevis la peton sin limigi de nun al la *internacieco* de radikoj permesata de la Akademio laŭ artikolo § 15 de la Fundamento, ekzemple Finlando (Finlande, Finnland, Finland, Finlandia ktp.), Rumanio (Roumanie, Rumania, Rumänien ktp.), Italio (Italie, Italy, Italia, Italien ktp.), Kanado (Canada, Canada, Canada, Kanada ktp.), kaj en dubaj okazoj uzi la formon *-lando* (Pollando, Britlando) tute laŭfundamentan kaj ankaŭ ofte internacian. „Pollando“ estis uzata de Zamenhof. Tiel solviĝis tute pace kaj trankvile problemo, kiu meritos iam pli malfrue oficialan interstudon kaj interdecidon inter nia Lingva Komitato kaj la Universala Poŝta Unuiĝo konsiderante ĉiujn spertojn faritajn. Ĉu „Pola Esperantisto“, kies sinsekvaj redaktoroj mem diverse opiniis pri tio, ne preferos nun lasi la aferon tie „por la bono de movado“ kaj ne rekomenci polemikojn, kiam oni feliĉe trovis pacigan kaj absolute laŭleĝan solvon, kiu oferemo respektas la disciplinon, tamen ne ignorante la nedetrueblajn faktojn de la vivo?

Estas nun tempo ĉesigi tiun ridindan aferon kaj ne perdi pli da tempo pri ĝi.

* * *

Jen „Pola Esperantisto“ aludis ankaŭ al alia afero.

La „Pola Esp. Societo“, kiu apartiĝis en januaro 1923 de la „Pollanda Esp. Federacio“, sendis al la kongreso en Nürnberg du proponojn. Unu rilatis je la ĉi-supra temo kaj ne havis plu kaŭzon, ĉar la disciplina demando ricevis solvon. Sendube tial la pola delegito ĝin reprenis. Se oni diskutus la proponon, certe oni devus aŭdi la du flankojn kaj tiam komenciĝus lingva diskuto. Pro tio, ne pro ia ajn tendenco la K. K. K. jam respondis, ke la regularo de niaj kongresoj ne permesas enmeti prilingvan proponon en la tagordon.

La Pola Societo ankaŭ prezentis alian proponon pri la Bulonja Deklaracio. Tiun proponon la K. K. K. estis preta enmeti sur la tagordon, sed la delegito de l' Asocio mem juĝis pli oportune ankaŭ ĝin repreni, ĉar oni timis — kredeble prave — ke ĝi naskos politikan diskuton. Oni ja vidis, ke eĉ priparolo de kongresurboj Vieno aŭ Sofja kaŭzis senutilan ekscitiĝon. Li eĉ petis, ke oni forigu la proponojn ne nur de la tagordo, sed eĉ de ĉiu ajn protokola mencio. Laŭ nia opinio tiu lasta peto estis troa, ĉar nun la „Pola Esperantisto“ tute prave volas publike scii kio okazis. Nun ĝi scias.

Pri la propono mem ni ne povas multe diri, ĉar ni ne bone ĝin komprenis.

La „Bulonja Deklaracio“ ja diras, ke „Esperantisto sin nomas ĉiu persono, kiu scias kaj uzas la lingvon Esperanto, tute egale por kiuj celoj li ĝin uzas“. Tiun citaĵon enpresas la „Pola Esperantisto“ sur sia verda kovrilo kaj la rezolucio deziris, ke ĉiuj gazetoj fidelaj al la Bulonja Deklaracio tion samo montru sur sia kovrilo. Nu kompreneble tiun saman citaĵon povus egale bone enpresi ĉiuj esperantaj gazetoj, inkluzive katolikaj aŭ satanaj, ĉar ĉiuj ja uzas nian lingvon por ia celo. Kion do volis la Pola Societo? Eble memorigi ankaŭ, ke la Bulonja Deklaracio konstatas la neŭtralecon de esperantismo rilate al iu ajn aparta celo aŭ ideo krom la mondlingva. Ni jam insistis mem pri la neceseco apartigi la fakajn partiajn movadojn de la ĝeneralaj propagandaj aŭ oficialaj institucioj. En nia lasta numero ni atentigis pri la danĝero miksi niajn naciajn propagandajn societojn kun politika propagando.

Se la rezolucio celis la samon, ni povas nur aprobi ĝian intencon kaj ne miras, ke ĝi venis de polaj esperantistoj, ĉar ili efektive suferas ĝuste pro tiu enmikso kaj ilia Federacio disiĝis en tri, ĉar ĉiuj havas apartan celon; la „Pola Societo“ proklamas: „Ni kredas, ke servante nian Patrujon, Esperanto plej bone servos sin mem“ kaj efektive celas servi esperantismon kaj polan naciecon unu per la alia, la asocio „Konkordo“ celas apliki la homaranajn ideojn de Zamenhof pri pacigo inter la diversgentaj loĝantoj de sia lando kaj la societo „Laboro“ havas klasan karakteron. Estas sufiĉe nature, ke ili ne povis ĉiam facile kunlabori pro la eksteraj cirkonstancoj, sed estas eble bedaŭrinde, ke ili ne sukcesis konservi ian centran interrilatilon por komunaj celoj de esperanta propagando. Ankaŭ por K. R. ĝi kreos ian malfacilaĵon. Tamen tio estas la afero de la polaj esperantistoj mem, ne la nia, sed estas ankaŭ tre kompreneble, ke la pola delegito al Nürnberg prudente reprenis la proponon.

La plej simpla afero estas eble represi de tempo al tempo la Bulonjan Deklaracion, kiu difinas la celon de esperantismo

kiel penadon disvastigi la uzadon de lingvo neŭtrale homa, kiu „donus al la homoj de malsamaj nacioj la eblon kompreniĝadi inter si kaj povus servi *kiel paciga lingvo de publikaj institucioj en tiuj landoj, kie diversaj nacioj batalas inter si pri la lingvo.*" (Ni substrekis. Red.)

Estas tre dubinde ĉu la Pola Societo juĝus oportune disvastigi nuntempe tiun lastan ideon, kiu ne tute akordiĝas kun iaj decidoj de Poznan pri devigeco de pola lingvo. Ankaŭ ĝia oficiala organo ofte uzas stilon tre viglan kaj spritan, sed ne ĉiam amikeman aŭ eĉ neŭtralan kontraŭ aliaj nacioj. Tio estas tute libere ĝia afero, ne la nia, sed ĝi nur montras kiom malfacile estas instrui la ceterajn kaj disdoni atestojn pri fideleco al la Bulonja Deklaracio.

En ĉiuj landoj la cirkonstancoj estas diversaj. Ekzemple en Svislando pluraj lingvoj estas oficialaj kvankam ³/₄ parolas svisgermane kaj oni fieras pri tio kaj ĝojas eĉ pri presigo de dokumentoj en tiu malnova interesa dialekto romanĉa, parolata nur de kelkmiloj. Kiam kunvenas la Svisa Esperanta Societo, tiam nur Esperanto estas uzata kvazaŭ en internacia Kongreso. Tamen S. E. S. certe ne pretendus instrui ĉiujn aliajn societojn, ĉar ĝi ja bone scias, ke ne ĉie regas samaj kondiĉoj.

Konklude: Al ĉiuj malfacilaĵetoj pri diversopinieco ekzistas nur unu rimedo, sed unu tre efika: ju pli niaj societoj laboros por nia komuna celo, do ju pli esperantistaj antaŭ ĉio ili estos, des pli unuigitaj ni estos. Ĝi valoras pripenson, ĉu ne?

 LINGVAJ STUDOJ 

## La sufiksoj uzataj radike kaj prefikse

de *Petro Stojan.*

Kvankam la lingvaŭtoro pli ol unufoje esprimis ideon, ke la distingo inter la radikoj unuflanke kaj la afiksoj duaflanke estas pure formala kaj nacilingva, tamen li ordinare evitis uzi sufiksojn alie ol sufikse. Tio ne signifas, ke li estis kontraŭ libera uzado de la lingveroj, teorie egalaj laŭ sia kunmeta rolo kaj neegalaj nur laŭ sia senco. Kredeblas, ke la aŭtoro deziris vidi la lingvinstinkton disvolvanta ĉe la adeptoj mem, sen la influo de l' aŭtoro. Se tiel estis, do la aŭtoro havis la okazojn ĝoji pri la profunda instinkto ĉe la lingvadeptoj kreantaj tute novan kategorion de la kunmetaĵoj, en kiuj la sufiksoj okupis lokon de l' radiko aŭ eĉ de l' prefikso.

Devjatnin kreis vorton *etulo,* opiniante, ke la vorto „malgrandulo" estas tro peza por la eta estaĵo; ĉar tiu nova, kaj plaĉa al certa aro da samideanoj, vorto estas kunmetita imitante la zamenhofaĵn *junulo, belulo, avarulo;* el tiu sekvas, ke en ĝi la elemento *et* rolas radike, kiel la elementoj *jun, bel, avar!* La estonta historio de nia vortaro eltrovos ĉu S-ro D. estis unua, kiu uzis sufikson prefikse, ĝi ankaŭ nomos la ceterajn iniciatintojn de tiu nova riĉiga metodo, sed nun ni nur konstatas la metodon mem aperintan pli ol 12 jaroj antaŭ nuno. Jam delonge oni uzas alian sinonimon de l' malgrandegulo la vorton *nano.* Tiu vorto signifas nenormale malgrandegan vivaĵon, ekz. maljunan homon altan unu metro, aŭ glanodonan kverkon en florpoto, dum la *etulo* estas kvazaŭ karesa nomo por normale malgranda estaĵo, ekz. kolibro, kokcinelo, ramido, infano, ĝermaĵo.

En regularoj de kelkaj esp. societoj oni trovas esprimon *opa kotizaĵo,* kiu estas akceptebla apud la individua. *Ebligi la interkonsenton* estas tiom klara, ke se ni volus ĝin klarigi alivorte ni donus la malpliklaran ekvivalenton. Jen ankaŭ konataj vortoj: *ilaro, idisto, arego, enujigi, indeco, ineto, erigi, diserigi, idaro, estraro, ejo, ujo, ingo, aĵo, ano, ebla, inda, ina, ida, eta, ega, ema, obla.* Krom tio ni povas ĉi tie citi malpli konataĵn kunmetaĵojn, ankaŭ uzitajn iel: *aniĝi, ariĝi, emi, estri, igi, iĝi, ujeto, ulino, arkanti, arbruo, arforma, adasisto, aĉodora, aĉeta, aĉega, aĉulo, aĵeto, aĵego, aĵaro, estreco, estrumi, estrejo, ilarejo, ilego, ileto, ismano, etpreza, etforta,...*

Ĝojiga por unuj, malŝatata de aliuj — la nova vortofara metodo jam forte enradikiĝas kaj neniu senpartia gramatikisto povas ĝin prisilenti.

* * *

## Mem aŭ sin?

Aŭtodidakto estas persono memlerninta, t. e. kiu lernis mem, kiu lernis sen helpo de instruisto. Zamenhof uzis vorton *memlerninto* laŭ senco de la aŭtodidakto. Aŭtografo estas *memskribaĵo.* Aŭtonomia signifas *memstara, memrega.* Kiam io estas komprenebla per si mem, ĝi estas *memkomprenebla.*

Homo kiu gardas sin estas *singarda.* Ĉu ni povas ĝin nomi la *memgarda?* Certe ne. Bienposedanto kiu gardus mem siajn ŝafojn, anstataŭ ilin lasi al paŝtisto, povus esti nomita *memgarda.* Kiu oferas sin senprofite estas *sindona. Lia sintenado (konduto) estas korekta. Filatelisto sin okupas pri la markoj.* En la Nova Testamento ni legas vorton *sinsubmetado* uzita tie laŭ senco: obeo, humila konduto. En la gazeto „Literaturo" estas uzita vorto *sinteno* en senco: pozo. *Mi estis delegito dum tri sinsekvaj jaroj.*

Post la supraj modelaj frazoj kaj vortoj la leganto kredeble jam sentas diferencon inter *mem-* kaj *sin-* prefikse uzataj. Tial li povos mem decidi inter la duoblaj formoj: *memrego* aŭ *sinrego* (sang-froid, samoobladanije), *memmortigo* aŭ *sinmortigo* (suicide, samonbistvo), *memfido* aŭ *sinfido* (assurance, confiance en soi-même, samouverenostj), *memtrompo* aŭ *sintrompo* (illusion, samoobman).

Netaŭga uzo de la ambaŭ prefiksoj plejofte okazas pro la nacia lingvo de l' uzanto, en kiu la ambaŭ ideoj estas esprimataj per unu prefikso (auto-, samo-, selbst). Kelkaj aŭtoroj kreis vorton *memo* por diri *sio,* t. e. interna sfero de l' homo aŭ interna sinkonscia psikocentro, kiun oni nomas en europa filozofio la *Ego.* Ĉu oni povas allasi vorton *memo* aŭ *sio,* aŭ eĉ *mio?* Ĉu oni devas trovi ion plitaŭgan? Jen estas la demandoj kiujn ne kapablas solve respondi la izolulo, ĝis la sufiĉe longa uzado tion klarigos. Dume ja ĉiuj konsentas kun la Sokrata konsilo: *gnothi se auton* t. e. *konu sin mem!*







# ESPERANTISMO

## KRONIKO.

La sekvantaj novaĵoj estis speciale senditaj al ni kaj pro tio ni presigas ilin Represo de kronikaĵoj el naciaj gazetoj estas tro malfrua. Ni proponas, ke la naciaj societoj sendu al ni tre mallongan resumon pri la movado en sia lando ĉiam en la mezo de ĉiu monato. *Red.*

---

### Aŭstrio.

*Wien.* Post kelkjaraj klopodoj fine sukcesis al la Esperanto-Delegitaro en Wien enkonduki Esperanton en la plej gravan popoledukan instituton *„Urania“*. Post parolado de prof. Otto Simon kiun ĉeestis ĉ. 100 personoj, la eminenta pioniro gvidas en ĉi tiu grava instituto kurson, komencitan la 11 oktobro. La antaŭlaborojn faris samideano R. M. Frey, kaj meritas pro tio la dankon.

### Belgio.

Belga Esperantisto informas ke la IVa kunsida periodo de l' Internacia Universitato ne povis okazi en Bruselo. Esperanta parto estis organizita. Pro la kontraŭstaro senĉesa de la nuna registaro, la Unuiĝo de l' Internaciaj Asocioj eble devos translokiĝi al alia lando. Niaj belgaj samideanoj tion tre bedaŭras, ĉar tiu granda organizaĵo estis tre favora al Esperanto kaj eĉ havis grandan esp. fakon en la Internacia Muzeo.

### Brazilo.

*Rio de Janeiro.* La 3 oktobro okazis ĉe la luksa salono de „Centro Paulista“ tekunveno honore de la plej malnovaj anoj de Brazila Klubo „Esperanto“, fondita en 1906, kaj por akcepti la novajn. Faris la oficialan saluton la dua sekretariio, F-ino Maria Luiza Bocayuva, kies ĉarma elparolado estas bonega propagandilo de la belsoneco de Esperanto. Dankante parolis D-ro Theobaldo Recife kaj D-ro E. Backheuser, la ĉeffondinto de tiu klubo. Post la parolado de la prezidanto, D-ro Carlos Domingues, oni kantis la himnon „La Espero“ kaj dancis ĝis la sepa vespere. La orkestrestro estas la malnova esperantisto S-ro Quirino de Oliveira.

La ĉefurbkonsilantoj S-roj Felisdoro Gaya kaj Edgard Teixeira prezentis leĝan projekton, per kiu estas rigardata kiel unu el la meritkondiĉoj por la rangaltigo ĉe la publika instruistaro de Rio de Janeiro, la instruado, almenaŭ dum unu lernjaro, de la lingvo Esperanto.

La Justeca kaj Instruada komitatoj aprobis unuanime la favorajn raportojn al ili prezentitaj de S-roj Victor Bastos kaj Zoroastro Cunha.

La projekto jam estas aprobita en unua diskutado.

S-ro José Citicica, tre konata profesoro de portugala lingvo kaj ĵurnalisto, skribis ĵen „Correio da Manha“, unu el la plej legataj ĵurnaloj en Rio de Janeiro, ĉefartikolon por Esperanto responde al tiu skribita de S-ro J. Ibiapina.

Plene detruinte liajn kontraŭaĵojn li finis sian artikolon per la jenaj vortoj: „Tiel, do, nek la filologia teorio, nek la sperto kontraŭas al la alpreno de internacia lingvo. Malgraŭ la opinio de S-ro Ibiapina, la superbonegeco de Esperanto super la ceteraj proponitaj lingvoj estas troe pruvita.“

### Britlando.

(Vidu oficialan informaron p. 230).

*Birkenhead.* Restarigo de grupo. Kurso sub la protekto de Laborista Eduka Asocio.

*Glasgow.* Propaganda kunveno ĉe St. Andrews Hall.

*London.* Fondiĝis Laborista Klubo Esperantista. Kunvenoj kaj diskutoj aranĝotaj. Kurso por komencantoj. Adreso: The Workers Esperanto Club, Minerva Café 144 Holborn, London. — Sudlondona Klubo kunvenas ĉe 49 Lavender Hill SW. 11, unuan kaj trian ĵaŭdon ĉiumonate $20^1/_2$ h. Altgrada kurso.

### Bulgario.

La bulgaraj esperantistoj posedas nun tre interesan kaj valoran dokumenton pri la disvastigo de Esperanto en sia lando. Neniu alia lando posedas ĝis nun tian propagandilon. Ĝi estas albumo 96 paĝa enhavanta portretojn de samideanoj enlandaj. Eksterlandaj samideanoj povas tiel facile konatiĝi bilde kun siaj korespondantoj. La eldonisto de tiu interesa kolekto de portretoj estas S-ro At. D. Atanasov, ul. Oboriŝte 44. Sofia. Prezo: 3 sv. fr.

### Ĉina Respubliko.

Ni represas tie ĉi leteron ricevitan el Peking. Ĉar mankis la adreso de la sendinto, kiu ne ankoraŭ estas membro de UEA, ni donas tiun de nia Delegito por eventualaj sendaĵoj: S-ro Kuo Ĉan Simfizó, docento, National University, Peking.

Pekino, la 14an de aŭgusto 1923 a.

Estimataj Gekamaradoj!

Ni havas la honoron sciigi vin, ke en nia urbo Pekino ni ĵus fondis la Pekinan Esperanto-Kolegion, en ĝi oni povas studi Esperanton kaj aliajn sciencojn. La instruistoj por Esperanto kaj sciencoj ambaŭ estas famaj profesoroj en Ĉinlando kaj alilandoj. Nun ni havas pli ol cent studentojn. Post la dua eniĝlerneja ekzameno ducent studentoj estas facile kolektitaj.

Tiu ĉi afero estas tre malfacila je ni komence, tial ni esperas, ke oni, kiu konsentas al Esperanto fervore subtenas kaj subskribas aŭ monoferas al nia kolegio, por ke ĝi estu pliprosperigita kaj pligrandigita.

Escepte de tiu, ni ankaŭ esperas, ke la societoj, grupoj kaj tiaj aliaj gazetejoj en la mondo, kiuj celas por propagandi Esperanton, donacas siajn presaĵojn al nia kolegio.

Kun antaŭaj dankoj por via donacado.

Altestime via

Si Hun Jan, prezidanto.

*Ĥarbin.* Kongreson de tutmonda esperantistaro (en Nürnbergo) nia Manĝura Esp. S-to bone akcentis al loka societo, presiginte prikongresajn artikolojn: unu pola, unu angla kaj 7 rusaj gazetoj aperigis la artikolojn. Somere, dank' al 25 jara jubileo de ĉin-orienta fervojo, okazis granda ekspozicio, kiun partoprenis ankaŭ nia Esp. S-to elmontrinte propagandilojn ruse, ĉine, germane, japane.

Pastro J. Seriŝev, Ĥarbin, Novij Gorod, Poste restante.

### Ĉeĥoslovakio.

*Oficiala instruado de Esperanto.* Ĉar la nedeviga instruado de Esperanto troviĝas en la oficiala instruplano de komercaj akademioj, tiu ĉi instruado okazas en Komerca Akademio de *Hradec Králové,* instruas P-ro Smeták; en *Bratislava,* instruas P-ro Jukl, por 14 lernantoj de la 3 kaj 4 klasoj.

Ministrejo de instruado enkondukis devigan instruadon de Esperanto en la nove fondita metia lernejo por *blinduloj* en Instituto Klár en Praha. F-ino Vlčková instruas 32 komencantojn kaj 24 progresintojn. Uzata estas la konata lernolibro de F-ino Šupichová transskribita per Braille-skribo.

*Novaj grupoj* fondiĝis en *Domažlice*, sekr. J. Drvota, komercisto; en *Opava*, prez. poŝta direktoro Horák, sekr. Otava, konsistanta precipe el poŝtistoj kaj fervojistoj, kaj en *Nové Zámky*, prez. D-ro K. Körper, teologia profesoro, sekr. J. Schmiedt, elektristo, del. de UEA.

*Novaj kursoj:* En *Praha* instruas direktoro Eiselt (17 p.); S-ro Pitlík (31 p.); F-ino Hlaváčová (30 p.); kaj F-ino Dandová 20 progresintojn.

*Domažlice.* Nova kurso por 20 p.

*Olomouc.* Du kursojn por 60 policanoj gvidas S-ro Kudela, delegito de UEA. En klerigaj kursoj popolaj instruisto Neužil.

*Ustí n. O.* Kurson por kom. gvidas S-ro Barkman (23 p.), por progresintoj S-ro Vašíček (15 p.)

*Publikaj paroladoj* okazis en *Praha.* La 1 oktobro F-ino Šupichová parolis antaŭ 100 p. La 29 septembro F-ino Dandová en Esp. Sekcio Katolika por 20 p.

*Ustí n. O.* La 4 oktobro S-ro Barkman antaŭ 50 p.

*Ekspozicio. Praha:* Ekspozicio de esp. gvidlibroj kaj aliaj reklamiloj turismaj estis parto de la ekspozicio de Centro de Turismaj Asocioj ĉeĥoslovakaj en Art-industria Muzeo 3—20 okt.

*Přerov.* Ekspozicio de la loka klubo de 14—21 oktobro, finita per akademio ĉeĥo-esp.

*Regionaj konferencoj.* Orientbohemia la 8—9 septembro en *Malé Svatonovice* partoprenantoj el 22 lokoj. Raportoj de O. Ginz, sekr. de ĈAE, de O. Sklenĉka, ĉefdel. de UEA kaj delegitoj de diversaj lokoj.

IIa Konferenco de Silezio kaj Norda Moravio la 7 oktobro en *Opava.* Partoprenis 35 personoj el 15 lokoj. Raportis R. Hromada, ĝen. sekr. de ĈAE kaj reprez. de regionaj urboj.

*Gazeta servo.* En ilustrita revuo *Český Svět* aperis foto de konataj samideaninoj F-inoj Drezen el Tallin, en naciaj kostumoj estonaj. — En familia revuo *Šťastný Domov* informa artikolo pri Esperanto kiel respondo al antaŭa nefavora artikolo en la redakcia korespondejo. Krom tio ĉiusemajne en ĵurnaloj de Praha kaj multaj provincaj gazetoj estas notizoj pri progresoj de Esperanto. *Ĉeĥoslovaka Esperanto-Asocio.*

*Gvidfolioj. Bratislava.* Porfremdula asocio por Slovakio eldonis Gvidfolion tra la urbo. La interesantoj fremdlandaj ricevos ĝin senpage skribante al Cudzinecky svaz, placo Župné nám, en Bratislava. *St. K.*

* * *

*Ĉeĥoslovaka Esperanta Instituto*
*Praha.* *Praha,* la 10 novembro 1923.

Ministrejo por instruado.

La ĉeĥoslovaka instruadministrejo aperigis ĝis nun la jenajn dekretojn, kiuj rilatas la enkondukon de Esperanto en la ŝtatajn lernejojn:

I. *Lektorato de Esperanto en la alta lernejo por specialaj sciencoj* ĉe la teknika lernejo en Praha estis fondita la 13. XI. 1922, n-ro 115445 instr. min. (L. A. Pitlík).

II. Enkondukon de Esperanto en *duagradajn lernejojn* rilatas dekreto de la 27. III. 1920, n-ro 5545/21 i. m. publikigita sub n-ro I. B. 718—31171 de la 14. IV. 1921 (Landa lerneja konsilantaro) sur p. 185 en n-ro 20a de la jarkolekto 1921 de la oficiala bulteno „Věstník" de la instruadministrejo:

„La ministrejo estas preta en lerno-jaro 1921/22 ĉie, kie por instruado de Esperanto estos favoraj kondiĉoj personaj kaj aferorilataj, permesi nedevigan instruadon de ĉi tiu lernobjekto en ŝtataj duagradaj lernejoj. Oni ordonas la direktoron, ĝis fino de la lerno-jaro 1920—21, kondiĉe, ke anoncos sin sufiĉa nombro da partoprenontoj por la venonta lernojaro, proponi la enkondukon de ĉi tiu lernobjekto kaj instruplanon kaj sciigi, kiamaniere la proponita instruisto akiris tiurilatan kapablecon."

III. „Věstník" de ĉeĥoslov. instruadministrejo, (jarkol. III. n-ro 74, la 15. V. 1921) konatigis provizoran normalan instruplanon por *komercaj akademioj,* kie Esperanto menciita estas inter la nedevigaj lernobjektoj. La tiurilata punkto (23) estas jena:

„2 lecionoj semajne en komuna kurso. Esperanton oni instruas en kurso, kien estas akceptataj sole lernantoj, kiuj almenaŭ 3 jarojn lernis iun romanan lingvon."

IV. *Ekzamenaj komisaroj* de Esperanto estis nomitaj ĉe la ekzamenaj komisionoj por popolaj kaj burĝaj lernejoj en:

Praha: Jos. Eiselt, eksgimnaziestro (dekreto de la 30. X. 1920, n-ro 67780 i. m., kaj
D-ro Ad. Bischitzky, kuracisto (30. X. 1920 i. m.)

Brno: Inĝ. V. Kroužil, profesoro (27. X. 1920, n-ro 67190 i. m.), kaj
Ot. Leneška, direktoro de la komerca akademio (31. X. 1920, n-ro 58867 i. m.)

V. *Aprobitaj lernolibroj* de Esperanto, por:

a) *duagradaj kaj burĝaj lernejoj:*

1. Julie Šupichová, faka instruistino (30. X. 1921, n-ro 90497 i. m.), kaj
2. Josef Süsser, profesoro (26. VII. 1921, n-ro 67262 i. m.), kaj

b) *duagradaj lernejoj:*

1. D-ro Adolf Bischitzky, kuracisto (28. XI. 1922, n-ro 129873 i. m.)

VI. Ĉeĥoslov. instruadministrejo per dekreto de la 22. 5. 1923, n-ro 46455/I (4. VI. 1923, n-ro III.-A. 831) 8-50120 de la landa lerneja konsilantaro kaj 16. X. 1923, n-ro 16259-VI de la lernejestraro de Praha, permesis je speciala petskribo por la lernojaro 1923-24 senpagan instruadon de Esperanto en unu kurso (1 leciono semajne) ĉe la *knabina burĝa lernejo* en Praha VII. „U Studánky". Partopreni estas permesite al la knabinoj, kies rezultato en la ĉeĥa lingvo estas tre bona kaj kiuj ne estas tre okupitaj per lernado de aliaj nedevigaj lernobjektoj.

[En intereso de la sukceso — antaŭ la prezentado de la tiurilata petskribo ĉe la ĉeĥoslov. instruadministrejo — konsiliĝu rilate al la enhavo de la petskribo kaj ĝiaj aldonoj kun la Ĉeĥoslovaka Esperanta Instituto, kiu poste kompleze intervenos pri la afero!]

La Instituto malfermis por 50 anoj fakajn kursojn, en kiuj instruas S-roj Eiselt kaj Pitlík. Ĉ.E.I. aranĝos dum vintra sezono prelegaron priesperantan en Praha kaj pretigos propagandan lumbildan paroladon, pruntedonotan al ĉeĥaj esp. grupoj.

## Francio.

S-ro Ernest Archdeacon la konata pioniro de aŭtomobilismo kaj aviado, aŭtoro de „Pourquoi je suis devenu espérantiste", baptis sian domboaton „Esperanto". Loĝado en domboato (house-boating) estas agrabla sporto kaj oni facile povas transloĝiĝi kiam la restadloko ne plu plaĉas! La domboato de S-ro Archdeacon estas 38,50 m longa, 5 m larĝa, 2,35 m alta kaj estas komforta kiel moderna domo.

*Lyon.* Deziresprimo voĉdonita de la Lyon'a Sekcio de la Respublika Komitato de Komerco, Industrio kaj Kampokulturo (kunsido de la Direkta Konsilantaro je la 31 oktobro 1923):

La Direkta Konsilantaro, ekkoninte la decidigajn eksperimentojn de la Komerca Ĉambro de Paris kaj aŭdinte iun el la Sekcianoj, delegitan de sia korporacia sindikato al la Konferenco de Venezia'

Manifestas sian simpation al ĉiuj, kiuj per sia penado klopodas havigi al la komerca mondo komunan helpan lingvon,

Decidas enskribiĝi kiel komerca entrepreno al UEA,

Kaj rekomendas al siaj membroj, importistoj kaj eksportistoj, lernigi de iu el siaj oficistoj la lingvon Esperanto, kiu, per sia klaro' per sia mirige facila interkompreno kaj per sia ege rapida lernado' nepre konformiĝas al la tempoŝparo, fundamento de l' progreso en la mondo de la interŝanĝoj.

(Tiu ŝatinda sukceso estas ŝuldata al iniciato de S-ro Leroudier, Membro de la Grupo Esperantista de Lyon kaj Dumviva Membro de UEA, helpita de l' prezidanto S-ro Digonnet, Membro de la Komerca Ĉambro de Lyon, kaj de l' sekretario S-ro Mage, Membro de UEA). *L. P.*

*Narbonne.* Delegitaj per la federacio, la fratoj Llech, dum la asta semajno, iris en Narbonne kaj sin metis en rilatoj kun la sola esperantisto ĉeestante la urbo, S-ro Gouzy.

La fratoj Llech vizitis ankaŭ en Fleury d' Aude (18 kilometroj el Narbonne) S-ron Bourjade, malnova esperantisto, kiu estas preta por doni sian helpon.

Ni petas la esperantistajn organizajojn sendi propagandilojn al
- S-roj Gouzy, 7 Rue Cabirol, Narbonne.
- S-ro Amouroux, Banque Nationale de Vrédit, Narbonne (nova esperantisto).
- S-ro Bourjade, Propriétaire al Fleury d' Aude.

*Paris.* La ordinaraj kunvenoj de la „Amika Rondo de la Verda Kato" okazos de nun *ĉiumerkrede,* vespere je la 20a 1/2 en la kutima ejo 7, rue N.-D. de Bonne-Nouvelle.

*St. Etienne.* Aperas regule artikoloj favoraj al Esp. en la monataj gazetoj tieaj „Le Forez touriste", „Le Chasseur Français", „Les Annales Foréziennes". „Le Chasseur Français" baldaŭ enhavos esperantan rubrikon.

## Italio.

La Nacia Kongreso por Itala Ekspansio (eksterlanda disvastiĝo), kunveninta en Trieste, konsideris la raporton de la Venezia Konferenco kaj voĉdonis rezolucion por rekomendi la ĝeneralan uzadon de Esperanto kiel mondlingvo.

La internacia asocio de la katolikaj instruistoj (centra sidejo en Italio, Firenze 14, Via dei Pucci 2) S. C. U. D. O. S. uzas Esperanton (vidu art. XIV de Ĝenerala Statuto).

Jam esperantigis statutojn kaj regularojn. Ĉiuj katolikaj instruistoj esperantistaj petu statutojn esperantlingvajn ĉe: *Scudos* (Sodalitas Catholica Universalis Docentium Om nes Sancti) Firenze 14, Italio, Via dei Pucci 2.

## Jugoslavio.

*Sarajevo.* Refondiĝis „La Stelo Bosnia". Societo de Bosnia kaj Hercegovina Esperantistaro, Koŝevo, Kalifornia bar. — Ni petas tutmondajn esperantistajn societojn pro donaco de esperantaj libroj, gazetoj kaj aliaj esperantaĵoj. Ni antaŭ dankas por la bondonacoj. Ni ankaŭ dankas al vi pro farotaj servoj.

*Split* (Spalato). La rapide disvastiĝanta movado en tiu ĉi bela lando havas sian centron en Split. Tie okazos la venontan jaron la dua kongreso de jugoslavaj Esperantistoj, ĉar Split sukcesis en nur 3 jaroj fariĝi post Zagreb la plej granda centro de Esperantismo en Jugoslavio.

La ĵus okazinta trisemajna kurso havis grandan sukceson. Oni konstatis ĝenerale pli bonan rezultaton ĉe la kursvizitado kaj ĉe la finlerno de nia lingvo. Lia kanonika Moŝto, la urba parohestro Don Marko Katogjera vizitadis fervore la kurson, same D-ro med. Petro Rismondo. Ilia ekzemplo tre multe valoris por la fina sukceso de la kurso.

Novaj filioj de la Esp. Klubo en Split fondiĝis lastatempe en Janjina kaj Kuna. Kursoj okazas en Omiŝ, Dubrovnik, Korčula kaj Solin.

Inter la eksterlandaj vizitintoj la plej interesaj estis F-ino E. B. Ireland el Brighton (Anglio) kaj S-ro Josef Mader el Graz (Aŭstrio).

Nia longjara delegito S-ro Rolf Rupčič, prezidanto de la Splita Esp. Klubo estis elektita vicprezidanto de la ĵus fondita Sudslava Esperanta Ligo.

*Subotica.* Esperanto estas instruata nedevige en la Komerca Akademio.

## Katalunio.

*Barcelona.* Oktobro. La societo „Paco kaj Amo" malfermis kursojn por komencantoj, progresintoj kaj pri lingvistiko. En la malferma kunveno profesoro Delfi Dalmau trafe parolis pri la esperanta gramatiko kompare al aliaj lingvoj, kaj pri la interna ideo de Esperanto. Oni rimarkis ĉe la neesperantistaro grandan aprobon al tiu parolado.

Partoprenis en niaj kunvenoj gesinjoroj Zapater kiuj per parolado rimarkigis al ni la utilon de Esperanto. Sekve, post la parolado de niaj karaj vizitintoj, nia samideano kaj kunsocietano S. Alberich tradukis la sencon de la dirita parolado, tial, ke inter la ĉeestantoj estis kelkaj kiuj nuntempe lernas Esperanton. Fine oni disvendis portretojn de nia majstro kies profito estas dediĉita al esperanta ligilo. Entute, estis semajno, plena je vigleco kiu certe taŭgos por akiri novajn adeptojn al nia afero.

Vizitadas la katalunan samideanaron S-ro Rudolf Horner, sviso, prezidanto de la Ĝeneva Esperanto-Grupo „La Stelo", lia ŝatata vizito efike helpos interesigi Esperanton.

La plej gravaj katalunaj ĵurnaloj publikigis la sciigon pri la nepritrakto ĉe la Ligo de Nacioj de l' rezolucio de la Intelekta Komisiono, gratulante al Esperanto.

Ĉe multaj kultursocietoj en Katalunlando, precipe en la ĉefurbo Barcelona, komenciĝis sukcese kursoj de Esperanto. Ankaŭ ĉe policanoj nia amiko S-ro Santamaria klarigas sukcesan kurson. Resume, la movado en Kataluna lando esperige reviglIĝas. Iel helpis interesigi pri Esperanto komentarioj de ĵurnalaj diversideaj pri la malfavorigo al Esperanto de la nuntempa franca registaro.

— La Societo „Nova Sento" (Enna, 156) malfermis novajn kursojn la 8 oktobro sub la gvidado de profesoro S-ro Arturo Domenech Más; partoprenas kvardek novaj lernantoj.

## Nederlando.

*Amsterdam.* La Esperanto-Societo „L' Oriento" organizis la 31 oktobro propagandvesperon por la Societo de Komercoficistoj „Mercurius". Post parolado de la prezidanto pri nia lingvo, la sekretario raportis pri la Nürnberga kongreso kaj montris diversajn lumbildojn. Kelkaj personoj enskribiĝis por kurso.

## Rumanio.

*Arad.* Kurson por laboristoj gvidas samideanino Margareto Roth.

*Barbateni-de-Jos* (Transilvanio). Samideano Alberto Oliver malfermis kurson por 10 personoj.

*Braila.* S-ro Franco Cossutta, del. de UEA, malfermis kurson perfektigan.

*Bucuresti.* La esperantistaro de la rumana ĉefurbo aranĝis bonsukcesajn ekskursojn al Bufteа kaj Sinaia.

Grupo „Bukuresta Esperantista Junularo" estas fondita laŭ iniciato de samideanoj Harabagiu, Prager kaj Sandulescu. 30 membroj aliĝis.

Kurson por 20 liceanoj malfermis samideano Siegmund Prager en la evangelia liceo.

S-ro M. Ghidionescu komencis la 12 septembro du kursojn por 14 fraŭlinoj.

Laŭ iniciato de fervoraj samideanoj leŭtenanto Marin Georgescu kaj subleŭtenanto J. Dragodanescu estas fondita nova grupo sub la nomo „Per ni mem“. Estas jam ĉ. 40 membroj, grandparte oficiroj kaj gestudentoj. Kunvenoj okazas en la domo de Gimnastika Societo, vendrede kaj dimanĉe. Ke rumanoj mirinde facile kaj rapide lernas Esperanton — pro la trea simileco de la du lingvoj — pruvas la supre nomitaj sinjoroj oficiroj, kiuj dum du-tri semajnoj ellernis ĝin ĝis flua parolo.

— S-ro kuracisto-kapitano D-ro Iosif gvidas kurson por la membroj de la esperantista grupo „Per ni mem“.

— En la Evangeliana Liceo samideano Siegmund Prager malfermis la duan Esperanto-kurson kun 30 partoprenantoj.

*Caransebes.* Nova kurso kun 20 partoprenantoj, gvidata de S-ro Edmundo Vincze, del. de UEA.

*Cernauti* (Czernowitz, ĉefurbo de Bukovino). En tiu grava universitata urbo bele ekfloris nia movado dank' al la fervora kaj modela agado de S-ro majoro Arnold Hasenöhrl, del. de UEA. La 3 septembro li malfermis 2 kursojn, kiujn grandnombre partoprenas gesinjoroj el la plej inteligenta societo, inter ili multaj kuracistoj, profesoroj, oficistoj, artistoj k. a. De la 15 septembro li instruas Esperanton ankaŭ en la Berlitzlernejo.

— S-ro majoro A. Hasenöhrl, agema delegito de UEA, malfermis la 16 oktobro la kvaran Esperanto-kurson en la Berlitzlernejo. Fervore helpas en liaj laboroj S-ro Kamilla Landmann, nova esperantisto (str. Catedralei 8).

*Deva* (Transilvanio). S-ino Serafino Feder, tre agema vicdelegitino de UEA, malfermis kurson por 12 reallernejanoj.

*Lugoj* (Banato). Pluraj personoj fervore eklernis Esperanton. La redakcioj de l' ĵurnaloj „Resunea“ kaj „Krasso-Szörenyi Lapok“ proponis al nia movado plenan subtenon.

*Odorhei* (Székelyudvarhely) en Transilvanio. S-ro Julio Szabo, del. de UEA, malfermis kurson.

*Ploesti.* La 21 oktobro vizitis tiun ĉi urbon, centron de la rumana petrol-industrio, S-ro kapitano D-ro Iosif, leŭtenanto M. Georgescu kaj Tiberio Morariu, sekret. de Esp. Centr. Rum. en Bucuresti, por prepari kursojn publikajn. La gazeto „Sâptâmâna“ aperigis propagandan artikolon de S-ro St. V. Ionescu. La redaktoraro de l' gazeto „Scânteia“ afable proponis sian kunlaboron.

*Targul-Mures* (Marosvasarhely) en Transilvanio. F-ino Terezo Barabas, senlaca pioniro de nia movado, malfermis du novajn kursojn.

En la sama urbo samideano Dezideriо Tövissy gvidas kurson publikan en la hejmo de metilernantoj.

*Sighetul-Marmatiei* (Marmarossziget). Oni fondis Esperanto-Studentkolegaron kun 80 membroj. Prezidanto estas S-ro Edmundo Szekely. Kursoj daŭras, biblioteko estas fondita.

*Caransebes* (Banato). La 1 oktobro posttagmeze la tiea esperantista grupo entombigis samideanon, 26-jaran presiston Oskar Behabetz, kiu sin mortigis, havinte en sia poŝo la poemon „Ĉu vi memoras?“ En la funebra sekvantaro la verdstelan bukedon kun esperantoteksta banto portis F-ino Hilda Emmer, samideanoj Guttmann kaj Sturm.

*Malpermesitaj esperantolingvaj gazetoj en Rumanio.* La rumana registaro malpermesis la enporton de la gazetoj „Sennacieca Revuo“ kaj „Der Arbeiter-Esperantist“.

## Svedlando.

*Ludvika.* Kurso gvidata de S-ro Eriksson.

*Malmö.* Propaganda kunveno; ĉeesto pli ol 200 personoj.

*Örebro.* Kurso.

*Trollhättan.* Fondiĝis studrondo en loĝio Freja. Gvidas S-ro Harry Karlsson.

*Stockholm.* Kurso en Liljeholmen, gvidata de S-ro E. Malmgren.

(El „La Espero“, sveda Esperanto-gazeto.)

## Usono.

*San Francisco.* La naŭa jarkunveno de la Esperanto Association of California, Inc., okazis la 13 oktobro ĉe la hejmo de S-ro Advokato Brewster F. Ames, delegito de UEA.

Ĉeestis UEA-delegitoj de Oakland, Alvarado, Redwood City kaj Escondido kaj vizitantoj de San Jose, Stocktons kaj Berkeley.

La membroj elektis sinjoroj Ames, Vinzent, Stockton, Rivers, Smith, Rosher kaj sinjorino Plise kaj fraŭlino Van Sloun kiel direktoraro por nuna jaro. Ili ankaŭ voĉdonis monsubtenon de Fk. 50.00 al UEA.

Depost la laborkunsido kaj komuna manĝado oni ĝojis konatiĝvesperon dum kiu oni havis la plezuron konatiĝi kun S-ro Carl Clauson de Gefle, Svedio.

La direktoraro de Esperanto Association of California elektis Brewster F. Ames, prezidanto; May D. Van Sloun, sekretario; Vinton Smith, kasisto kaj L. D. Stockton, bibliotekisto.

Krom aliaj aferoj oni voĉdonis ĉiujaran kotizaĵon de dek cendoj po membro al la kasisto de la Centra Komitato.

---

# Informilo de Esperantistaj Societoj.

☆

## Oficialaj Institucioj de Esperanto.

Por ebligi al ĉiuj esperantistoj rapidan kaj facilan komprenon de la organizo de la Esperanto-movado ni starigis jenan tabelon:

### Centra Esperanto-Komitato (C. K.)

*Prezidanto:* D-ro Edmond Privat, Genève (Ĝenerala Propagando); S-ro Gabriel Chavet, Paris (Internaciaj aferoj); Prof. Dietterle, Leipzig (Instruo kaj literaturo); S-ro R. Hromada, Praha (Informado); S-ro Kenn, Lyon (Ameriko kaj Oriento); S-ro W. M. Page, Edinburgh (Financoj kaj juro)

*elektita de*

### Konstanta Reprezentantaro (K. R.)
**de la Naciaj Societoj**

*Honora Prezidanto:* Generalo Sebert, Paris; *Prezidanto:* S-ro John Merchant, Sheffield; *Sekretario:* S-ro Charles H. Edmonds, London;

*kaj*

### Universala Esperanto-Asocio (UEA).

*Prezidanto:* S-ro Ed. Stettler, Bern; *Vic-Prezidanto:* D-ro Edm. Privat; *Ĝenerala Sekretario:* Hans Jakob, Genève.

* * *

## Konstanta Kongresa Komisiono (K. K. K.)

*Prezidanto:* S-ro J. M. Warden, Edinburgh.

* * *

## Lingva Komitato (L. K.)

kaj ĝia

## Akademio.

*Prezidanto:* Prof. Th. Cart, Paris.

---

## Brita Esperantista Asocio.

Adreso: 17 Hart Street, London W. C. 1.

*British Esperantist.* De longe oni sentis, ke en siaj malmultaj paĝoj The British Esperantist ne povas kontentige esti samtempe gazeto oficiala, literatura, kaj propaganda. De Januaro 1924, la gazeto fariĝos pli malgranda, kaj estos plejparte informilo pri oficialaj aferoj de la Brita Esperantista Asocio, kies membroj kompreneble ricevos ĝin ĉiumonate, kiel antaŭe.

*Literaturo.* Komence de 1924 la B. E. A. entreprenos la literaturan laboron ĝis nun faritan de la Brita Literatura kaj Debata Societo, kune kun la aldono de la gazeto „Literaturo", kiu restos literatura gazeto en la esperanta lingvo. Ĉi tio diversmaniere faciligos aranĝojn administrajn kaj koncentros la movadon. Membroj de la B. E. A. ricevos la gazeton „Literaturo" sen plua pago; por aliaj la jarabono estas 2 ŝilingoj afrankite.

*International Language.* La B. E. A. eldonas plie monatan gazeton nomatan „International Language", kies unua numero aperos la 15an de januaro 1924. La redaktoro estos S-ro Charles H. Edmonds, kaj la jarabono estos $2^1/_2$ ŝilingoj afrankite. Ĉi tiu gazeto estos grandaparte en la angla lingvo, kaj celos propagandon kaj instruon de la lingvo. „La Juna Lernanto" enkorpiĝos en tiun gazeton.

La B. E. A. do aldonos tri periodaĵojn — oficialan, literaturan kaj propagandan — kaj tiamaniere oni esperas pli bone kontentigi la diversajn bezonojn.

*Aranĝo de Britaj Kongresoj.* La B. E. A. aranĝis Konstantan Kongresan Komitaton, kiu kolektos kaj laŭ peto liveros informojn utilajn por la aranĝado de estontaj kongresoj britaj.

*Charles H. Edmonds,*
Honora Sekretario de Brita Esperantista Asocio.

* * *

## Centra Dana Esperantista Ligo.

### C. D. E. L.

### Oficiala Raporto.

Laŭ komuniko jam ĉe la ordinara ĝeneralkunveno C. D. E. L. okazigis eksterordinaran ĝeneralkunvenon je la 8 Novembro.

Sekvantaj kluboj: Odense Esperantoforening, Konversacia Klubo de Aarhus, Espjerg Esperantoforening, Esperantistforeningen, Kobenhavn kaj Konversacia Esperantista Klubo, Kobenhavn, estis reprezentataj per la delegitoj: F-ino A. Mikkelsen, F-ino M. Noll, F-ino R. Koppel, F-ino S. Lindow, F-ino A. Petersen, S-ro Lindow, S-ino Blicher kaj S-ro Blicher.

La tagordo estis:

1. Elekto de nova membro al la reprezentantaro de C. E. E. L. anstataŭ la mortinta S-ro Etzerodt, Aarhus.
2. Revizo de la leĝoj de C. D. E. L. (i. a. fikso de la nombro de la reprezentantoj al 7 anstataŭ 11).
3. Letero de S-ro Alfred Christensen, Odense, pri la propagando. S-ro Taŭmose estis elektata kiel direktanto.

Al 1: Oni elektis S-ron Hvorslev, Aarhus, nova reprezentanto.

Al 2: La leĝoj de C. D. E. L. estis unuvoĉe revizataj. La prezidanto, kiu prezentis la proponitajn leĝoŝanĝojn, opiniis, ke 7 reprezentantoj proporcias sufiĉe bone al la societa nombro 5. Cetere oni fiksis en la novaj leĝoj, ke la societoj sub C. D. E. L. ĉiujare pagos kotizon al Konstanta Reprezentantaro de Naciaj Societoj Esperantistaj kies grandeco nuntempe estas dekono de la ordinara jara membro-kotizo de UEA en Genèvo. Ĉi-tiu pago kaj la kotizo 50 oeroj por ĉiu membro devas esti pagita antaŭ la 30a de Aprilo.

Al 3: Al S-ro Christensen la ĝeneralkunveno respondis jene: Ĝi dankas S-ron Christensen pro lia letero kaj kun intereso ĝi priparolis la vidpunktojn, kiujn li prezentis. Sed samtempe ĝi precizigas, ke la samaj vidpunktoj ĝuste dum jaroj ankaŭ estis la ĉefaj en la propaganda laboro de C. D. E. L.

La ĝeneralkunveno komisiis al la prezidanto respondi la leteron pli amplekse.

*Martin Blicher,* Prezidanto.

* * *

## Esperantista Literatura Asocio.

*Decembra raporto.*

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

**Nomaro de la membroj.**

Honora prezidanto: S-ro prof. **Th. Cart.**
Prezidantino: S-ino **M. Hankel.*)** Vicprezidantino: F-ino **J. Zschepank.**

**Adams, William G.,** S-ro, 1742 West 62 d. Str. Scattle, Washington, U. S. A.
**Ader, Friedrich,** S-ro, Bambergerstr. 43, Dresden, Germ.
**Antipov, Nikolao,** S-ro, Hamman-Lif, Tunesie „Miramare", Afriko

**Baghy, Julio,** S-ro, Rottenbillerstr. 66, Budapest, Hungarujo
**Bakels, A. G.,** S-ro, Haarlem, Nederlando
**Balkanyi, Paŭlo,** S-ro, Budapest VI, Hajos u. 15 II, Hungar.
**Ban, Aladar,** S-ro, Istvan ut. 28, Budapest, Hungar.
**Barthelmess, Norbert,** S-ro, Immermannstr. 26, Düsseldorf, Germ.
**Bastoul, F.,** S-ino, Rue Chabot-Charny, Dijon, Franc.
**Beck, René,** S-ro, Allées de Meilhan, Marseille, Franc.
**Bergit, Laurent,** S-ro, Avenue St. Saëns 43, Béziers, Herault, Franc.
**Biscaglia, M.,** S-ro, Rango-Bleggio, Tirol
**Biŝitzky,** S-ro, Mikulášská 12, Praha, Ĉeĥoslovakujo
**Blaise, Margaret,** S-ino, 3 Lynette Avenue Claphan-Common, London
**Bonnevie, H.,** S-ro, Bergliensgate 11, Christiania, Norveg.
**Borret, Mathilde,** F-ino, 21 Prins Hendrikstr., Haag, Nederl.
**Buecker, Ida,** F-ino, Ruhlaerstr. 15-16, Schmargendorf-Berlin, Germ.
**Buenemann, Oscar,** S-ro, Alsterkrug-Chaussée 586, Hamburg-Fuhlsbuettel, Germ.
**Bulthuis, H. J.,** S-ro, Daguerrestr. 84, Haag, Nederl.
**Buloĉkin, M.,** S-ro, Bolŝoj Demidovskij 10, Moskvo, Ruslando
**Busuttil, Gustave,** S-ro D-ro, Sliema, Insulo Malta
**Butin, Max,** S-ro, Kronprinzenstr. 33, Godesberg a. Rh., Germ.

**Camescasse, J.,** S-ro, Rue Douai 39-55, Paris.
**Camuffo, Armando,** S-ro, Pl. G. B. Vico 9 H, Triest.
**Cart, Th.,** S-ro prof., 12 Rue Soufflot, Paris.
**Caumont, A.,** S-ro, Friedensgasse 37, Basel, Svis.
**Christaller, Paul,** S-ro prof., Neue Weinsteige 61, Stuttgart, Germ.
**Christanell, Franz,** S-ro D-ro, Parsch-Salzburg, Aŭstrio
**Ĉernohvostov, G.,** S-ro, Vilao Walheim, Alberga, Finnlando
**Collison, E. G.,** S-ro, Melton-Mowbray, Anglujo

**Deans, Agnes,** F-ino, 220 Bruntefield-Place, Edinburgh, Skotlando
**Deŝkin, Georgo,** S-ro, str. Mjasnickaja 21, Moskvo, Ruslando
**Dezulian, Cesare,** S-ro, Predazzo, Trentino, Ital.
**Dombrovski,** S-ro prelato, Kovno, [Kaunas] Litovujo

**Eckert,** S-ino, Krongasse 153, Saaz, Bohemio.

**Fethke, Edm.,** S-ro, ul. Petersona 11, Bydgoszcz, Pol.
**Fiŝer, Andreo,** S-ro D-ro, Gribojedovstr. 25, Tiflis, Georgio
**Flourens, Johanino,** F-ino, Cours Joseph Thierry 43, Marseille, Franc.
**Frank, Ernst,** S-ro, Am Harzberg, Moelln i. Lauenburg, Germ.
**Frantz, S.,** S-ro, 21 Rue Allain Chartier, Paris
**Fricke, Wilhelm,** S-ro, 131 Duesternstr., Bremen, Germ.
**Funken, Leono,** S-ro, Florinsmarkt 7 a, Koblenz, Germ.

**Giesswein, Aleks.,** S-ro D-ro, Szentkyralyi-ut. 28, Budapest, Hung.
**Goemanns, Henk,** S-ro, Hol. banko por la mediteranea maro, Konstantinoplo
**Goehl,** S-ro D-ro, Neugersdorf, Sachsen, Germ.
**Gordon, Geo,** S-ro, 81 Liddiard Str., Hawthorn, Victoria, Aŭstral.
**Gottgetreu, Paul,** S-ro, Herrenstr. 12, Hannover, Germ.
**Gube, Ludwig,** S-ro, Fregestr. 26, Berlin-Friedenau, Germ.

**Hanau, Joh.,** S-ro D-ro, Moritzstr. 12, Wiesbaden, Germ.
**Hankel, Marie,** S-ino, Nicolaistr. 18, Dresden-A., Germ.
**Heitmüller, Heino,** S-ro, Waller-Heerstr. 134, Bremen, Germ.
**Hiekel, R.,** S-ro D-ro, Mareŝgasse 4, Leitmeritz, Ĉeĥosl.
**Hipsley, J. W.,** S-ro, 51 Woodland Rd. Northfield, Birmingham, Angl.
**Hohlov, Nikolao,** S-ro, Banque Adriatique, Zagreb, Jugoslav.

**Illing, Friedr. Wilh.,** S-ro, Brunnengasse 69, Wien 16, Aŭstrio
**Isbruecker, I. R. G.,** S-ro, Beverningkstr. 10, Haag, Nederl.

*) ĝis fino de la jaro 1923.

**Jahn, Friedrich,** S-ro, Roemerstr. 10, Godesberg a. Rh., Germ.
**Jahns, Kaethe,** F-ino, Infanteriestr. 2, Braunschweig, Germ.
**Jung, Teo,** S-ro, Schulstr. 3, Horrem-Köln, Germ.
**Junker, August,** S-ro, Hohestr. 26, Köln, Germ.
**Jurysta, J.,** S-ro, Crestohawa, I Alejo 3, Polujo

**Klinger, Hans,** S-ro, Kirchgasse 463, Tetschen, Ĉeĥosl.
**Koch, Hans,** S-ro, Ringeisenstr. 8, München, Germ.
**Koetz, Bernhard,** S-ro, Eilenburgerstr. 49, Leipzig, Germ.
**Kornfeld, Salo,** S-ro, Jaslo, Pol.
**Krepelka, J.,** S-ro, Bjelovar, Jugoslov.
**Krestanoff, Ivan,** S-ro, Wintergartenstr. 9, Dresden, Germ.
**Krestanoff, Marg.,** S-ino, Wintergartenstr. 9, Dresden, Germ.
**Kuehn, Anna,** F-ino, Frankenstr. 6, Dresden, Germ.
**Kuester, Marg.,** F-ino, Halberstaedterstr. 129, Magdeburg, Germ.

**Legrand, E.,** S-ro, Montevideo, Uruguay, Sud-Ameriko
**Lippmann, Walter,** S-ro D-ro, Tauchaerstr. 10, Leipzig, Germ.
**Loewe, Rosa,** F-ino, Albertstr. 7, Dresden-Radebeul, Germ.
**Loy, K. J.,** S-ro, Kronach, Oberfranken, Germ.
**Lutteroth, Ascan,** S-ro D-ro, Kaiserstr. 92, Breslau, Germ.
**Luyken, H. A.,** S-ro, 23, Arcadien Gardens Wood Green, London

**Maĉernis, J.,** S-ro Ukmergispl. 45, Kovno, [Kaunas] Litovujo
**Madlener, Hermann,** S-ro, Gaustadt ĉe Bamberg, Germ.
**Major, Josefo,** S-ro, Remetestr. 36, Budapest, Hungar.
**Maske, Rudolf,** S-ro, Rogoŝno bei Posen, Str. Mata Posnanska 327, Pol.
**Maske, Bruno,** S-ro, Rogoŝno bei Posen, Str. Mata Posnanska 327, Pol.
**Medem, Paŭlo von,** S-ro, Smeliu g-ve 18, Kovno, [Kaunas] Litov.
**Mexin, Aleksandra,** S-ino, Pl. Claparède 7, Genève, Svis.

**Nickel, Hildegard,** F-ino, Blücherplatz 2, Potsdam, Germ.
**Noll, Marg.,** F-ino, Kopenhagen, Danujo

**Ojala, Konrad,** S-ro, Rödbergsgatan 22628, Helsinki, Finnlando

**Padfield, W. W.,** S-ro, 2 Dawlish Villa Lower, Oldfield Park, Bath, Angl.
**Parisot,** S-ro, 6 Rue de Brice, Nancy, Franc.
**Pavlova, Paŭlino,** F-ino, ul. Petra Velikeho 9, Tiflis, Georgio
**Petit, Marthe,** S-ino, 33 Rue Chabot Charny, Dijon, Franc.
**Pillath, Friedrich,** S-ro, Sommerburgstr. 38, Essen-Ruhr, Germ.
**Poensgen, Hans,** S-ro, Tannenhof ĉe Luettringhausen, Rhl., Germ.
**Prengel, F.,** S-ro, Kordeck'iego 1, Bydgoszcz, Pol.
**Pulvers, Charlotte,** F-ino, Dornacherstr. 154, Basel, Svis.

**Racz de Koevesd, Bela,** S-ro, Fehervari ut. 21, Budapest, Hung.
**Ricca, Cosmo,** S-ro, St. Giovanno Tomin Invrea U. 2. St. 5, Genova, Ital.
**Reichel, Walter,** S-ro prof. D-ro, Kasernenstr. 32, Kamenz, Sa., Germ.
**Reisinger, Jos.,** S-ro, Quai de l'Ile 3, Genève, Svis.
**Rieck, O.,** S-ro, Wolgasterstr. 38, Greifswald, Germ.
**Robbie, James,** S-ro, 42 Strathearn Rd., Edinburgh, Skotlando
**Rosen, Charles,** S-ro, Parc 107 Bis, La Chaux de Fond, Svis.

**Sabadell, Alfonso,** S-ro, Diputacion 280, Barcelona, Hispan.
**Scheerpeltz, Ella,** F-ino, Wall. Meseritsch, Ĉeĥosl.
**Schenkel, Jacob,** S-ro, Karlstr. 1, Friedrichsthal, Saar
**Schoor, Jan van,** S-ro, Julius De Geyterstr. 149-1, Antwerpen, Belg.
**Schroeder, Johann,** S-ro, Volksgasse 8, Wien
**Schwartz, Teodoro,** S-ro D-ro, Andrassy ut. 31, Budapest, Hungar.
**Sennacieca Revuo,** 24 Boulevard Beaumarchais, Paris XI
**Seppik, Henriko,** S-ro, Tallinn, Maneŝi 7-12, Eston.
**Seriŝev, Inocento,** S-ro, Harbin, Newtown, Poŝte restante, Manchurie, Ĥinujo
**Simmank, Frida,** F-ino, Fritzschestr. 6, Leipzig-Gohlis, Germ.
**Smith, Adalbert v.,** S-ro, Lavich v. Pabststr. 107, Arnhem, Nederl.
**Spero, Rahel,** S-ino, Shoemann Str. 618, Pretoria, Transvaal
**Stamatiadis,** S-ro D-ro, Péra-Tepé-Bachi 59, Konstantinopel.
**Striedter, O.,** S-ro, Erglos, Latvujo
**Steding, H.,** S-ro, Berckstr. 10, Bremen-Horn, Germ.
**Steinke, L.,** S-ro, Greifswald, Germ.
**Stojan, Petro,** S-ro, Str. Spital 10, Kiŝinau, Rumanujo
**Suendermann, Bruno,** S-ro, Schmelze 207, Bodenbach, Ĉeĥosl.
**Ŝanovich, Ph. Godpraiser,** S-ro, Konstantinopel
**Ŝapiro, J.,** S-ro, Lipova 33, Bialystok, Pol.
**Sidlovskaja, Maria,** F-ino, Dimitrov. Mosk. Gub. Siev. ul. d. Sobolev, Ruslando
**Ŝupichova, Julie,** F-ino, Malá Štěpánská 6 n, Praha, Ĉeĥosl.

**Taubmann, J.,** S-ro, Haida, Bohem.
**Trarbach, Paul,** S-ro, Felsenstr. 27, Elberfeld, Germ.

**Warden, J. M.,** S-ro, 28 St. Andrew Square, Edinburgh, Skotl.
**Wecker,** S-ino, Krongasse 153, Saaz, Bohemio
**Wendell, Lehmann,** S-ro, 615 La Salle Building, Minneapolis, U. S. A.
**Wiesenfeld, Eduard,** S-ro, Biala 3, Varsovio, Pol.
**Wieczorek, Klemens,** S-ro, Virchowstr. 14, Beuthen, O.-S.
**Wuester, Eugen,** S-ro, Berlinerstr. 23, Charlottenburg, Germ.
**Wuensch, J.,** S-ro, Brueckenstr. 11, Karlsbad, Bohem.

**Ziegler, Gustav,** S-ro, dumviva membro, Marktredwitz, Bavar., Germ.
**Ziermans, Jan,** S-ro, Amsterdamsche Str. 53, Scheveningen, Nederl.
**Zschepank, Johanna,** F-ino, Paul-Gerhardtstr. 22, Dresden-A., Germ.
**Zwach, Franz,** S-ro, Erzherzog Karlpl. 19, Wien.

*Marie Hankel.*
*Johanna Zschepank.*

* * *

## Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko.

La Instituto volas labori por nia movado ankaŭ dum la nuna malbonega ekonomia stato de Germanujo. Ĝi ankaŭ estontatempe respondos al ĉiuj demandoj kaj zorgos pri ĉiuj aferoj, kiuj apartenas al ĝia kompetenteco. Sed al personoj kaj institucioj, kiuj ĝisnun ne finance subtenis ĝin, ĝi bedaŭrinde nur povos servi, se demandante aŭ petante ion, oni aldonos al la koncerna letero la necesan sumon por la afranko de la atendota respondo. Ĉiu samideano, kiu komprenas la nunan situacion de nia lando, ankaŭ komprenos ĉi tiun sciigon.

*D-ro Dietterle.*

## Universala Esperantista Pacifista Ligo.

La Universala Pac-Kongreso de la Esperantista Pacifista Ligo daŭros 3 tagojn. La du unuajn tagojn estos laborkunsidoj, la *trian* tagon antaŭtagmeze okazos kiel fermkunsido granda porpaca manifestacio. La *saman* tagon vespere estos la „Interkonatiĝ-vespero" de XVI-a Universala Kongreso de Esperanto. Pro tio ankaŭ *multege* da Esperantistoj *povos* veni almenaŭ al la *granda manifestacio.*

Ĉar tiu kongreso estos porpaca fak-kongreso, la jena aranĝo estas tre grava: La *oficiala* kongres-lingvo estos *Esperanto.* Sed se la delegito de iu ajn ne-esperantista pacifista aŭ porkultura organizo aŭ iu ajn paclaborema persono ĝis aŭgusto ankoraŭ ne sufiĉe bone scipovas la lingvon Esperanto, li povas paroli dum la laborkunsidoj ankaŭ en iu el la naciaj ĉef-lingvoj, sed liaj vortoj estos ĉiam tuj tradukataj en la oficialan kongreslingvon. Dum la granda pac-manifestado la trian tagon de la kongreso okazos la fest-paroladoj (ĉiu oratoro el la plej diversaj landoj po nur 5—8 minutojn) nur en Esperanto kaj pro la porpaca propagando ankaŭ en germana, la nacia lingvo de la *kongreslandoj* [se ekzemple 1925 eble en Milano — tiam en itala lingvo].

La invitoj estas forsendataj jam nun en la tutan mondon, por ke la invitotaj organizaĵoj kaj personoj havu sufiĉe da tempo por lernado de Esperanto.

* * *

## Oficialigo de Esperanto en la internaciaj rilatoj de la Poŝto, Telegrafo kaj Telefono.

La Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝt- kaj Telegraf-Oficistoj akceptis en ĝia sesa multnombre vizitata fakkunsido en Nürnberg rezolucion postulante de la Internaciaj Poŝta kaj Telegrafa Unuiĝoj: 1. la akcepton kaj enkondukon de Esperanto por iliaj administraciaj interrilatoj. 2. kiel „klara" telegramlingvo. Tiu ĉi rezolucio, kiel ankaŭ la propono de kolektado de multnombraj ĉiulandaj subskriboj, necesaj kiel aldono al la farotaj 2 rilataj petskriboj, poste en la 3ª Laborkunsido de la plena XVª Esperantokongreso, estis unuanime kaj aplaŭde akceptitaj. Mil parojn da listoj estis pretigitaj, de kiuj 72 po 43 subskriboj jam plenigitaj en Nürnberg kaj 923 fordonitaj kaj forsenditaj al la Esperanto-societoj, ĵurnaloj, ILEPTO- kaj UEA-delegitoj ĉiulandaj, por baldaŭa plenigado kun esperantistaj, kiel ankaŭ bonaj esperantemaj aŭ neesperantistaj subskriboj, tute necesas por nia sukceso. Al la subskriblistoj ni kunmetis cirkuleron, klariganta la tre gravan aferon kaj petanta zorgan resendon de la plenigitaj listoparoj al la ĉi-subé nomita, komisiita inicianto. Ĝis nun revenis nur 42 plenigitaj listoparoj kio sumas kun la 72 suprenomitaj, 114 plenajn listoparojn po 43 liniojn, do entute 4892 duoblajn subskribojn.

La Kongreso treege rekomendis la ĉiean subskribigon al ĉiuj esperantistoj, komitatanoj, fak- kaj grupprezidantoj, redaktoroj, administrestroj, delegitoj kaj societanoj en iliaj landoj kaj urboj. Nur tial la venko estos nia. Se necese aldonu mem iajn samajn skribepretigitajn listojn, aŭ postulu novajn ĉe la ĉi-subskribinto, ĉar aliaj mil paroj estas forsendpretaj. La plimulto de la ĝis nun ricevitaj subskriboj venas el Germanio, Nederlando, Svislando, Ĉeĥoslovakio kaj Aŭstrio, sed ĉiuj aliaj ŝtatanoj nepre devas kunlabori kaj same subteni nian gravan agadon por la oficialigo de Esperanto, unuavice ĉe Poŝto kaj Telegrafo.

La ĉiulanda nombro de subskriboj aperos en la venontaj ekzempleroj de „Esperanto" kaj de „Esperanto Triumfonta". Ĉiuj bonvolu do subskribi kaj subskribigi, en ĉiuj, precipe ankaŭ internacie laborantaj kaj oficistaj rondoj. Kun profunda danko por ĉiu kunlaboro kaj subteno de nia, tial certe sukcesonta, afero, ni salutas vin ĉiujn korege kaj samideane:

*Por la Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝt- kaj Telegraf-Oficistoj (ILEPTO):*
*D-ro Ed. Spielmann,* 2ª Vicprezidanto,
P. K. 174, Transito, Bern, Svislando.

## Svisa Esperanta Societo.

Kiel aldono al la raporto pri lasta kunveno de S. E. S. en la novembra numero, jen kelkaj vortoj pri la Ekzamenoj faritaj en Bern la 20 oktobro 1923. Ĉiuj kandidatoj bone sukcesis; akiris la Superan Diplomon:

F-ino E. Bachmann, Zürich,
„ M. Kapfer, Bern,
S-ro A. Egg, Baden,
„ J. R. Scherer, Luzern,
„ H. Hammer, Zürich,
„ R. Bollinger, Bern,

kaj la Ateston pri Lernado:

S-ro E. Spielmann, Bern.

La juĝantoj estis S-roj J. Wenger, H. Fridori, P. Humberset, kaj G. Stroele, bonvole helpataj de S-roj E. Stettler kaj H. Schmid, el Bern. Ili konstatis, ke la kandidatoj estis tre bone kaj funde lernintaj kaj rimarkinde estas, ke kelkaj el ili studis tute sole kaj senhelpe. Precipe la tradukoj de nefacila germana teksto kaj la verkaĵoj pri donita temo pruvis veran lerteçon. Ne ĉiuj lecionoj estis tiom laŭdindaj; ŝajnas pripensinda la demando, ĉu ne estus iam utile plani du malsamajn ekzamenojn kaj diplomojn: unua pri funda scio parola kaj skriba de nia lingvo; dua pri la speciala instrua kapablo, kun postulo pri kono de gramatiko, literaturo, historio, organizo de nia movado.

Prezidanto de E. K.: *G. S.*

* * *

## Internacia Asocio de Biblio-Studantoj.

(Publikaj paroladoj en Nürnberg 1923.)

La prezidanto de tiu ĉi asocio, kies sidejo estas Brooklyn, Usono, sendis du delegitojn al la kongreso por okazigi paroladojn. — I. A. B. S. havas lokajn grupojn en preskaŭ ĉiuj urboj de la mondo kaj estis fondita je la celo, libere esplori la Sanktan Skribon kaj prosperigi kristanan sciecon per eldonaĵoj kaj publikaj paroladoj. Ĉar la prezidanto de la asocio konsideras Esperanton kiel signon de la tempo, li uzas la lingvon por konigi la esploritaĵojn el la Biblio pere de paroladoj kaj eldonaĵoj.

Tial la 2 aŭgusto estis disdonata al la kongresanoj la traktato „Proklamacio", kiu estas alvoko al la eminentuloj de la mondo kaj enhavas rezolucion, kiun kunvenego de la nomita asocio unuanime aprobis. Ĝia esenco estas la esprimo de la konvinko, ke la mondo troviĝas en turnopunkto de la homa historio kaj ke la Regno, pri kiu kristanoj preĝis dum pli ol 1800 jaroj, sekvos la nuntempajn cirkonstancojn de mizero kaj aliiĝos la teron en staton perfektan. Je la sama tempo estis disdonata invitilo al du publikaj paroladoj de la senditoj de I. A. B. S.

La unua parolado okazis la 3 aŭgusto 1923, je 16.30 h., en ĉambrego de la „Lehrerheim", N-ro 17 de la urba plano. Parolis Kaarlo Harteva, inĝeniero kaj samtempe gvidanto de la finna sekcio de I. A. B. S., el Helsinki, pri la temo: „La nova mondo komenciĝas — Milionoj, kiuj nun vivas, neniam mortos!" Post akcenta prelegado de la esperanta himno „La Espero", kiu trafe esprimas la plej altan sopiron de la homaro, li klarigis en malongaj trajtoj la faktajn esperojn, kiujn povas hodiaŭ havi la homaro, dirante, ke laŭ profetaĵoj de la Vorto de Dio jam alvenis la tempo, en kiu alliktego malaperigos la malnovan, jam tute ne taŭgan mondordon sur la tero kaj ke la nuna mizera stato estos sekvata per feliĉaj kaj perfektaj cirkonstancoj sur nia tero, kiu aliformiĝos en paradizon, kaj kie vivo eterna sen ia ajn signo de malhavo, malfeliĉo kaj ĉagreno ekfloros. En tiu ĉi de la homaro aŭsopirata ora epoko regos reciproka amo de la homoj inter si kaj al Dio.

En la sama domo, en plimalgranda ĉambro okazis la 6 aŭgusto la dua parolado, je la 9.30 h. matene pri la temo: „La Dia Plano de la Epokoj". La paroladisto, Alfred Egg el Baden, Svislando, helpe de esperantlingve verkita murkarto klarigis la diversajn tempospacojn de la plano de Dio. Tiuj ĉi epokoj, laŭ montroj de la Biblio estas jenaj:

1-a, kiu komencis per la kreo de la homo kaj finiĝis per la diluvo,

2-a, kalkuliĝinta de la diluvo ĝis la ekstarigo de la profetita Regno de Kristo. Tiu ĉi epoko estas subdividita en tri partojn:
a) la patriarka tempaĝo,
b) la juda kaj
c) la evangelia tempaĝoj.

3-a, distingiĝonta per la ekstarigo de la Regno de Kristo, kiu daŭros 1000 jarojn, kaj per la sekvontaj gloraj tempoj de la reperfektiĝinta homaro.

Ambaŭ paroladoj estis komencitaj kaj finigitaj per kantoj kaj preĝoj. Post ĉiu kunveno estis vendata la libro „Milionoj, kiuj nun vivas, neniam mortos!" Tiu ĉi libro estas la unua esperanten tradukita eldonaĵo de la asocio. Je la fino de la paroladoj kaj en la kongresejo estis disdonataj mendiloj por specimeno aŭ abono je la ĵurnalo „La Ora Epoko", kiun la asocio eble eldonos esperantlingve. Ĉi tiu ĵurnalo baziĝas je fakto, espero kaj konvinko. Ĝi unue aperis en angla lingvo dum 1920 kaj nuntempe jam estas publikigita en pluraj lingvoj. Laŭ ĝia senco ĝi ampleksas ĉiujn terenojn de la homa scio kaj parolas verame al la homaro. Ĝi nepre senpartie ankaŭ pritraktas la parolon de Dio, la Biblion.

La subskibinta raportinto akceptos mendojn por tiu ĉi ĵurnalo kaj laŭdezire donas ĉiujn petatajn informojn pri la Societo aŭ la temoj, pritraktitaj dum la XV-a.

*Alfred Egg*, Landstrasse 277, Rieden bei Baden, Aargau, Svislando.

* * *

## Zamenhofa Monumento-Tago.

La homo al kiu ni ŝuldas nian lingvon kaj ĉion, kion ĝi alportis al ni — D-ro Zamenhof — mortis antaŭ kvin jaroj, kaj ankoraŭ la tombo en kiu lia korpo ripozas, restas sen monumento.

La Komitatoj kiuj prizorgas la starigon de inda monumento sur lia tombo diligente laboris, sed ĝis nun apenaŭ *duono de la sumo bezonata por ĝi estas enkasigita.*

La desegno premiita, kontentigas la familianojn de D-ro Zamenhof, konformas entute al la tombeja regularo, kaj escepte kelkaj personoj, plaĉas al la esperantistaro. La monumento estos konstruita al malhelgriza bonega granito, kiu estas tre nobla kaj longedaŭra.

Ĉe multaj grupoj esperantistaj la 15 Decembro estas festata kiel Zamenhofa tago. Ni alvokas ĉiujn grupojn en la mondo fari en tiu tago specialan monkolekton, aŭ vendi kupon-kartojn por la monumento.

Se 5000 esperantistoj donacos ĉiu po unu ŝilingo dum tiu tago, ni havigos la plenan sumon ankoraŭ bezonatan por nia celo. Ĉu tio estas tro granda postulo? La respondon donu la esperantistaro mem.

En la nomo de la Organiza Komitato
*J. D. Applebaum*, Honora Sekretario.
11 Mayville Rd, Mossley Hill, Liverpool.

P. R. Oni povas sendi monon al ni aŭ al nia honora kasisto, S-ro W. M. Page, 31 Queen street, Edinburgh, Skotlando.

* * *

## La Esperanta Ruĝa Kruco-Unuiĝo

alvokas ne nur la esperantajn membrojn de la unuiĝo, sed ankaŭ ĉiujn esperantistojn, ke ili apogu la Ruĝan Krucon en la paca laboro por la tuta homaro. Pro tiu ĉi celo la Konstanta Komitato de la Esperanta Ruĝa Kruco-Unuiĝo urĝe serĉas en ĉiuj landoj delegitojn kaj aliĝantojn, kiuj plifaciligas la laboron de la organizado, kaj kiuj ne donos kotizon, nur sian propran laboron.

La aliĝojn ni petas sciigi al adreso de la prezidanto aŭ sekretariino de la Konstanta Komitato.

S-ro D-ro *Géza Halmágyi*, prezidanto,
Pazagvàn u. 18, Szombathely (Hungario).
Fraŭlino *Alison A. Nicol*,
268 Kenmure Street, Pollokshields, Glasgow (Skotlando).

---

## Al ĉiuj junaj esperantistoj kaj Esperanto-instruistoj!

En Nürnberg okazis gravaj fakkunsidoj, kiuj antaŭenpuŝis la junulan movadon esperantistan. Universala Esperanto-Asocio Junulara unuafoje kunvenis, starigis statutojn kaj kolektiĝis ĉirkaŭ sia organo „Esperantista Junularo". La kunsido de la Tutmonda Geinstruistaro Esperantista rekomendis la gazeton „Esperantista Junularo" al infanoj kaj instruistoj. La abonantaro de E. J. dum la lastaj monatoj kreskis „eĉ pli bone, ol ni kuraĝis esperi". La gazeto nun povas aperi okfoje dum jaro (anstataŭ sesfoje), kaj la jarlibro por 1924 estos „dika". La jarkostoj nur estas la kvarobla de la sendkosto de letero eksterlanden. Petu specimenon kaj aliĝu!

Redakcio: *A. Robin*, Baugé, Maine-et-Loire (Franc.)
Administracio: *A. Neupert*, Leipzig-Möckern, Wedellstr. 17 (Germ.)

---



## Internacia Asocio de la Esperantistaj Fervojistoj

# OFICIALA INFORMILO.

Aperas ĉiumonate.

---

**Jarkotizo:** 6 fr. sv. (por membroj de tie ĉi ne nomitaj landoj) 6 ŝil. ang. 12 fr. (fr., belg.), 15 Kč., 15 lir., 6 jen jap.

Malbonvalutanoj el Aŭstrio, Germanio, Pollando kaj Ruslando pagas 1 fr. sv. (nove aliĝantaj membroj 2 fr. sv.) La Informilon ricevas *senpage* ĉiu I. A. E. F.-ano kiu pagas la asocian jarkotizon.

*Redaktoro:* Josef Blažek, inspektoro, Olomouc, Müllerova 24 (Ĉeĥoslovakio) (akceptas ĉiujn manuskriptojn por la Oficiala Informilo).

*Kasisto:* Emanuel Kubásek, revizoro, Plzeň, Lobezská 12 (Ĉeĥoslovakio) (akceptas ĉiun monon por la I. A. E F. kaj la Oficiala Informilo)

---

## MODELO DE ALIĜILO.

(Skribu legeble sur p. k. ktp.)

1. Familia nomo ..........
2. Antaŭnomo ..........
3. Profesio .......... } en Esperanto
4. Oficejo (direkcio, stacio ktp.) .......... } en Esperanto
5. Gepatra lingvo .......... } en Esperanto
6. Nacieco .......... } en Esperanto
7. Strato kaj numero ..........
8. Urbo ..........
9. Provinco ..........
10. Lando (ŝtato) ..........
11. Mi ne — estas MA — M de UEA.

Morala devo de ĉiu nia ano estas, ke li alvarbu almenaŭ unu novan membron

(Aliĝo al UEA estas rekomendata al ĉiuj I. A. E. F.-anoj).

---

## Grava sciigo.

Aperis jam la unua fervoja vortareto Eisenbahn-Wörterbuch, fervoja vortaro, germana-esperanta, litografe farita kaj eldonita je propraj elspezoj de nia vigla kunlaboranto S-ro Inspektoro Georg Habellok, Breslau 10, Schleiermacherstrasse 9, la prezidanto de Unuiĝo de germanaj fervojistoj.

Ni sincere gratulas al la diligenta verkinto, kiu penis kaj — kiel li promesas en la antaŭparolo — penos daŭrigi la kolektadon de mankantaj fervojaj terminoj.

S-ro Habellok deziras ankaŭ senrespektan kritikon de spertaj fervojistoj. Nia opinio estas: ni devas ne nur kritiki la faritan gravan verketon, sed precipe kunlabori, subteni la laboron de ĝia kompilinto.

Ni estu dankemaj al niaj unuaj pioniroj 3 aŭ 4 sinjoroj samfakanoj. Ĉiu sperta kunlaboranta IAEF-ano povas helpi tiamaniere, se li ekkomencos tuj traduki aŭ verki esperante ion ajn pri propra fakmaterio, kompreneble fervoja.

Tiamaniere ni povus kritike kaj serioze trarigardi la menciitan, jam kolektitan terminaron, kaj konstati samtempe, kiuj esprimoj estas ŝanĝotaj, forĵetotaj, aŭ kompletigotaj ktp.

Principe ni elektu ĉiam nur unu esprimon plej taŭgan, ne 2 aŭ pli multe da similaj.

Do ni plifaciligu la gravan entreprenon al la eldoninto kiel ajn ni povas, ĉar li esperas fari baldaŭ la duan plibonigitan, plikompletigitan eldonon de sia „fervoja vortaro“.

Ĉiujn tiurilatajn korespondaĵojn oni bonvolu adresi al la verkinto (kompreneble en nunaj tempoj *event. kun necesaj respondkuponoj.* Red.)

* * *

**Jugoslavio.** *Kursoj.* En *Zagreb* gvidas apartan kurson por fervojistoj S-ro Ilija Puhalo, fervojoficisto, delegito de I. A. E. F. en fervojlaborejo, kiun afable disponis direktoro de ŝtataj fervojoj S-ro Babović kaj laborejestro S-ro Mattes.

Ĉiulandaj samideanoj precipe samfakanoj estas petataj sendi almenaŭ unu poŝtkarton al lia adreso: Sudslava Esperanto-Servo, Jezuitska I, por ebligi al li pluan sukcesoplenan propagandon. Ĉiu ricevos respondon.

**Finnlando.** Tarifoj de la ŝtatfervojoj. En kelkaj rondoj estas en lasta tempo vekita demando pri bezono plimalaltigi la tarifojn de l' ŝtatfervojoj, sed la fervoja administracio opinias, ke ne estas ankoraŭ tempo por plimalaltigo, ĉar la tarifo de finnlandaj ŝtatfervojoj ne estas eĉ tiel altaj kiel en kelkaj aliaj landoj kaj ke multaj cirkonstancoj parolas kontraŭ la tro frua malaltigo. La administracio proponas: status quo. *H. Salokannel.*

* * *

La redakcio kaj administracio de O. I. deziras *„Feliĉan novan jaron“* al ĉiu jam aliĝinta IAEF-ano, esprimante eĉ sincerajn bondezirojn al la dum 1924 nove aliĝintaj gefervojistoj. Rekomendu kaj varbu novajn fervorajn membrojn por IAEF.

* * *

## Atentigo por niaj membroj!

La asocia jaro de I. A. E. F. komenciĝas la 1 aŭgusto kaj finiĝas la 31 julio de venonta jaro. Estonte ni publikigos laŭ la deziro de nia sinjoro kasisto, la nomojn de niaj membroj, kiuj regule kaj precize pagas la jarkotizon.

* * *

Bonvolu atente tralegi ĉiujn niajn ĝis nun en la „Fervoja Esperantisto“ (2 n-roj), „La Fervojisto“ (1 n-ro), kaj nunjare en O. I. (Aŭgusto/Septembro, Novembro) ktp. aperintajn sciigojn.

* * *

## Fako por korespondado.

(Respondo de diversaj demandoj ekz. pri somera restado ktp.)

En tiu ĉi rubriko ni publikigas ankaŭ la nomojn de *aktivaj* IAEF-anoj, kiuj volas pasigi sian libertempon ĉe alilandaj samideanoj rekompence.

* * *

**Fervojistoj!** Sendu al la redaktoro S-ro J. Blažek, en Olomouc, Müllerova 24, Ĉeĥoslovakio, koncizajn raportojn pri esperanta movado en via loko, pri agemo de esperantistaj societoj, kluboj, rondetoj kaj pri fervojaj aferoj. Pliriĉigu la enhavon de nia gazeto per via kunlaboro, verkante originale aŭ tradukante artikolojn malgrandajn. Rekomendu ĉe nia konataro nian asocion, sendu al ni la adresojn de personoj, pri kiuj vi opinias, ke ili aliĝus al nia IAEF. Nepagotaj fakartikoletoj estas dankeme akceptataj.

* * *

**Kolegoj, kolektu anoncojn por nia I. O.** Postulu informojn ĉe nia administracio (kasisto).

* * *

**Kiel sendi monon al ni?** Gesamideanoj el Ĉeĥoslovakio pagu al ni ekskluzive per „pagilo de poŝta ŝparkaso“, (platenka pošt úřadu šekového), (Erlagschein der Postsparkasse). Se vi ĝin ne havas, postulu ĝin ĉe nia kasisto asocia per poŝtkarto! Gefervojistoj el ceteraj landoj pagu al ni per respondkuponoj, sed ekskluzive en valuto montrita por ilia lando en nia tabelo de jarkotizo. Bonvolu sendi senhezite la kotizaĵon por la jaro 1923 — 1924.

Redakcio kaj administracio
*JOSEF BLAŽEK,*
fervoja inspektoro,
*Olomouc,* Müllerova 24 (Ĉeĥoslovakio).




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj frankoj. *Membro (M) 5 Fr. Membro-Abonanto (MA) 12,50 Fr. Membro-Subtenanto (MS) 25 Fr.* La MA kaj MS ricevas la gazeton. — *Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj: *300 Fr.* (Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniu nacia prezo kiel ĉe aliaj membro-kategorioj. — Naciaj prezoj por M, MA, MS:

**Argentino:** P. oro: 3, 7,5, 15; **Aŭstralio:** Ŝil. 5, 12/6, 25; **Aŭstrio:** Kr. 25, 50, 200; **Belgio:** Fr. 10, 25, 50; **Brazilo:** Milr. 6, 15, 30; **Britlando:** Ŝil. 5, 12/6, 25: **Bulgario:** L. 45, 100, 300; **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 20, 45, 100; **Danmarko kaj Islando:** Kr. 5, 12,50 25; **Estonio:** Mk. 50, 125, 300,000; **Finnlando:** Mk. 25, 60, 120; **Francio:** Fr. 10, 25, 50; ***Germanio:** Mk. or. 2,50, 5,—, 15; **Greklando:** Dr. 25, 80, 30); **Hispanio:** Pes. 6, 15, 30; ***Hungario:** Kr. or. 2,5 5, 15; **Irlando:** Ŝil. 5, 12/6, 25; **Italio:** L. 12, 30, 60; **Japanio:** J. 2, 5, 10; **Jugoslavio:** D. 40, 80, 225; **Latvio:** L. 2,5 5, 15; **Litovio:** L. 5, 10, 30; **Nederlando:** G. 2.50, 6, 12; **Norvegio:** Kr. 5, 12.50, 25; ***Pollando:** Zlot. 2,50, 5, 15; **Portugalio:** Esk. 10, 25, 75; **Rumanio:** L. 80, 200, 600; **Svedlando:** Kr. 4, 10, 20; **Svislando:** Fr. 5, 12,50, 25; **Turkio:** P. 75, 200, 500; **U. S. A., Kanado, Kubo, Centra Ameriko:** Dol. 1, 2,50, 5. — El aliaj landoj oni pagu laŭ la oficiala prezo en svisaj frankoj.

*) Por Germanio, Hungario kaj Pollando en ora mono, pagebla laŭ taga kurzo en papermono.

La helpmembroj (HM) estas kategorio kreita favore al jenaj landoj kun tre malalta monkurzo: Aŭstrio: Kr. 10000; Germanio: Mk. or. 0,60; Hungario: Kr. or. 0,75; Pollando: Zlot. 0,75; Rumanio: L. 30 La helpmembroj ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevon de la jarlibro kaj gazeto.

La Entreprenoj de UEA (komercaj firmoj, societoj k. t. p.) pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando) — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Svisa Poŝtĉeko: I. 2310. — Poŝtĉeko en Aŭstrio: Postsparkassenamt Wien, Konto 105439. — Poŝtĉeko en Ĉeĥoslovakio: No. 79236, Praha. — Poŝtĉeko en Germanio: No. 90850, Frankfurt am Main. — Poŝtĉeko en Pollando: No. 190576, Warszawa.*

---

**Oficiala Bulteno N-ro 10** estis forsendata la 15—16 novembro al ĉiuj Delegitoj. Okaze de nericevo bonvolu informi nin pri tio.

**Prezkorektigo.** Ni informas niajn Delegitojn kaj membrojn en Latvio, ke la prezoj por ilia lando estas:

En Lat = latva franko (ora):

| M | MA | MS | Entrepreno | Anonco jarlibro (1 paĝo) |
|---|---|---|---|---|
| 2,5 | 5 | 15 | 6 | 20 |

| Abono | Korespondo (anonceto) | Peto kaj Propono 10 vortoj | Reklamo 1 cm | Insignoj 1 | 10 |
|---|---|---|---|---|---|
| 5 | 0.50 | 0.40 | 1 | 1.25 | 11.25 |

*Germanio.* Sekve de la neatendita ŝango de kondiĉoj la kotizoj por Germanio estas la jenaj:

| M | MA | MS | Entrepreno | Abono |
|---|---|---|---|---|
| 2,50 | 5 | 15 | 5 | 5 ormarkoj |

pagebla laŭ la taga kurzo de la ormarko aŭ koresponda sumo en Rentenmarko. La aliaj prezoj restas la samaj.

*Hungario.* Por faciligi la pagon de niaj membroj en Hungario ni fiksas ĉiumonate prezon en papera mono kiel ekvivalento de la postulataj orkronoj.

| M | MA | MS | Entrepreno | Abono | |
|---|---|---|---|---|---|
| 2,5 | 5 | 15 | 5 | 5 | Kr. or. |
| 8 | 16 | 50 | 16 | 16 | Mil kronoj |

pagebla letere, per ĉeko en hungara krono.

Okaze de grava kurzfalo ni reskribos al la paĝinto.

**Jarlibro 1924.** Ni rememorigas, ke la limtago por tekstoj en la ĝenerala parto de la Jarlibro estas la

*15 Decembro 1923.*

Ni petas la Delegitojn ne malatenti tiun daton. Reklamojn ni povas akcepti ĝis fino de Januaro 1924.

**Garantia kapitalo.**

*Unua serio:*

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo: | 9500.— |
| Akiris trian ateston de unua serio S-ro D-ro Moser Ruegsau, Bern | 125.— |
| | Fr. 9625.— |

**Subtenantoj.**

Kiel dum la pasinta jaro ni intencas sendi al la personoj aliĝintaj kiel Membro-Subtenantoj premion konsistantan en valora literaturaĵo.

Ĉiu persono aliĝanta kiel Subtenanto rajtas elekti *unu* premion el la tri nun nomataj:

1. Fundamenta Krestomatio de Esperanto.
2. Vortaro de Esperanto (Kabe).
3. Sendaĵo enhavanta la jenajn verkojn: Edm. Privat: Vivo de Zamenhof; Historio de la lingvo Esperanto; Turgenev: Elektitaj Noveloj; Puŝkin: Tri Noveloj; Niemojewski: Legendoj; Hildebrand: El la Camera obscura. Plie aldono de po unu ekzemplero de raportoj pri la konferencoj en Genève kaj Venezia, esperante, france aŭ germane.

Ni atentigas je la favora okazo havigi al si ekzempleron de la riĉa kaj leginda „Fundamenta Krestomatio“ kun multaj artikoloj originalaj, poeziaĵoj kaj laboroj de nia majstro.

La *Vortaro de Esperanto* kompilita de Kabe (Kazimier Bein) estas necesa kompletigo de ĉiu esperanta biblioteko.

**Delegitoj** estas elektitaj en jenaj lokoj:

*Bournemouth* (Angl.). — D.: S-ro Philip Henry Lewis, estro de orfohejmo, St. Crispius, 12 St. Clemens Road.

*Cevins* (Francio, Savoie). — D.: S-ro Georges de Plançon, terkulturisto.

*Colombes* (Francio, Seine). — D.: S-ro Georges Bontemps, fervojisto, 4 Villa des Cerises.

*Gaillac* (Francio, Tarn). — D.: S-ro Gustave Roy, instruisto, Professeur au Collège.

*Gap* (Francio, Htes Alpes). — D.: S-ro Léon Disdier, komunuma kasisto, 33 Bd. de la Liberté.

VD.: S-ro Léon Faucher, kontrolisto de rekta imposto, 8 rue des Jardins.

*Herisau* (Svislando). — D.: S-ro Emil Zuberbühler, fervojoficisto, Kreuzweg 1466. VD.: S-ro Hermann Mettler, komercisto, Hofegg 328.

*Holešov* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Fr. Růžička, profesoro, Nová ulice 2.

*Jeffersonville* (Usono, Indiana). — D.: S-ro Otto W. Ferguson, presisto, 67 Old Plank Road.

*Laigle* (Francio, Orne). — D.: S-ro Camille Martin, ekskampkulturisto, 15 bis rue Souchay.

*L'Hay les Roses* (Francio, Seine). — D.: S-ro Gaston Maillard, kuracisto, 40 rue du Val.

*Malang* (Nederl. Indio, Java). — D.: S-ro Maarten Kruyt, adjunkto Wilhelmstraat 14.

*Ober-Rochlitz* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Wilhelm Schier, horloĝisto, No. 239.

*Ponts de Cé* (Francio, Maine et Loire). — D.: S-ro Gaston Tétaud, Villa Belvido, Erigné.

*Pont de Gennes* (Francio, Sarthe). — D.: S-ro René Chapron, advokato ĉe la tribunalo de Le Mans.

*Pussay* (Francio, Seine et Oise). — D.: S-ro Camille Buret, notario.

*Radom* (Pollando). — D.: S-ro Johano Garski, instruisto, Warszawska 12. VD.: S-ro Z. Sztec, lernanto, Warszawska 12.

*Radonvilliers* (Francio, Aube). — D.: S-ro Marcel Mielle, potfabrikisto.

*Rheydt* (Germanio, Rheinland). — D.: S-ro Karl Scheibler, komerca oficisto, Böningstrasse 33, Müllfort bei Rheydt.

*Rosario de Santa Fé* (Argentino). — D.: S-ro Izodoro E. Mayorga, universitata studento, Colon 1366.

*Roye* (Francio, Somme). — D.: S-ro Henry van Etten, Cinéma Casino, Bd. du Nord.

*Vernou* (Francio, Eure). — D.: F-ino Henriette Bousquet, 48 rue du Dr. Chanoine Vernonnet.

*

**La supraj elektoj fariĝas valoraj, se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D. kaj VD. agas provizore.**

*

**Ŝangoj.**

*Frankfurt am Main* (Germanio). — D.: S-ro Otto Schuttkowski, instruisto, Eschersheimer Landstrasse 595.

VD.: S-ro Karl Barthel, korespondanto, Wöhlerstrasse 14.

*La Hulpe* (Belgio). — D.: S-ro Léon Bergiers, librotenisto, 1 rue de l' Eglise.

Provizore ne plu estas Delegitoj en jenaj lokoj:

*Ain Beida*, Alĝerio; *Andrimont*, Belgio; *Barraba*, Aŭstralio; *Bexley*, Brit.; *Biala Podlaska*, Pol.; *Blairsville*, USA; *Cawker City*, USA; *Cebu*, Filipinoj; *Delphos*, USA; *De Rijp*, Nederlando; *Flers de l' Orne*, Francio; *Gisborne*, Aŭstralio; *Glashütte*, Germanio; *Hasselt*, Belgio; *Hellefors*, Svedio; *Herculane*, Rumanio; *Horwich*, Angl.; *Ituna*, Kanado; *Kalisz*, Pol.; *Kawhia*, Novzelando; *Kiel*, Germanio; *Kirdjali*, Bulgario; *Kralupy n-v.*, Ĉeĥoslov.; *Langebrück*, Germanio; *Larvik*, Norvegio; *Leqcuito Central*, Kubo; *Lizzana*, Italio; *Maidstone*, Angl.; *Manchester*, USA; *Menzelen-West*, Germanio; *Merscheid*, Germanio; *Montegnée*, Belgio; *Montignies sur Sambre*, Belgio; *Montrose*, Skotlando; *Mostar*, Jugoslavio; *Negotin*, Jugoslavio; *Niedereinsiedel*, Ĉeĥoslovakio; *Northampton*, Angl.; *Nowata*, USA; *Offenbach*, Germanio; *Pamplona*, Hispanio; *Perth Amboy*, USA; *Plainview*, USA; *Ramleh*, Egipto; *Raspenau*, Ĉeĥoslovakio; *Regina*, Kanado; *Ruda Pabjanicka*, Pol.; *Sagua la Granda*, Kubo; *Saintes*, Francio; *Saint Hubert*, Belgio; *Seminole*, USA; *Tacubaya*, Meksiko; *Tarrassa*, Hispanio; *Tunbridge Wells*, Angl.; *Uppingham*, Angl.; *Veghel*, Nederlando; *Vendrell*, Hispanio; *Verona*, Italio; *Vladivostok*, Siberio; *Zbraslavice*, Ĉeĥoslovakio; *Zuidhorn*, Nederlando.

* * *

*Genève*, 20a de novembro 1923.

*H. Jakob*,
Ĝenerala Sekretario de UEA.

 **ESPERANTO KAJ KOMERCO** 

**Esperanto ĉe la Foiro de Lyon.** Jam de tri jaroj la Foiro de Lyon oficiale uzas Esperanton por siaj internaciaj reklamo kaj korespondado. Sed tiu uzo, pere de malsuperaj oficistoj aŭ de bonvolaj esperantistoj, ne sufiĉe kontentigis ĝian Komitaton. Tiu ĉi konstatinte, ke aliaj foiroj pli kontentige uzas Esperanton kaj konvinkite, ke ĝi povas atingi similan rezultaton, decidis ŝanĝi la metodojn ĝis nun uzitajn. Devinte elekti novan estron de la eksterlanda korespondado, ĝi preferis, inter pluraj poliglotuloj, S-ron Richard Levin, kiu plie estas tre bona esperantisto kaj konas sep lingvojn. S-ro Levin, krom la oficejo de la eksterlanda korespondado, direktos la Esperantan Fakon de la Foiro. La Komitato de la Foiro (adreso: Hôtel-de-Ville, Lyon) plezure respondos al ĉiuj informpetoj en Esperanto pri komerco kaj industrio.

* * *

**„Espero"**, Komerca Societo en Bucuresti, ricevis leteron de la Komerca kaj Industria Ĉambro de Budapest en Esperanto, kiu fakto pruvas, ke tiu komerca ĉambro enkondukis la uzadon de nia lingvo en sia korespondo kun la eksterlando.

* * *

Sekve de la decidoj alprenitaj de la Internacia Federacio por Komuna Komerca Lingvo, dum la XIVa Kongreso de Esperanto en Helsinki, pri la estonta agado en komercaj rondoj, S-ro Delanoue, ĉefdelegito de UEA en Paris, tuj interrilatiĝis kun francaj komercistoj kaj industriistoj.

Post la Internacia Komerca Konferenco en Venezia, liaj klopodoj kaj la ŝatinda agemeco de S-ro André Baudet, ano de la Paris'a Komerca Ĉambro, sukcesis kaj, post kelkaj preparaj kunvenoj, la Stariga Kunveno de „Esperanto et Commerce" (Asocio por franca ekonomia disvastiĝo per Esperanto) okazis kaj estis sekvata de kunveno de la Konsilantaro la 28 Juli 1923. Post elekto la Provizora Estraro transdonis la estrecon al la Elektita Estraro:

Prez.: S-ro D-ro Nuyts, industriisto, 9 rue du Cherche Midi, Paris VI;
Vicprez.: S-ro Gourlay, ĉefredaktoro de teknikaj ledindustriaj gazetoj, 54 rue de Bondy, Paris X;
Kas.: S-ro G. Delanoue, Banka Agentejestro, 4 rue Charles Divry, Paris XIV;
Sekr.: S-ro Marcel Deny, inĝeniero ECP, industriisto, 20 rue de l' Arc de Triomphe, Paris XVII.

Tuj post unua alvoko aliĝis 50 komercistoj kaj industriistoj, inter ili 6 anoj de la Paris'a Komerca Ĉambro kaj kelkaj anoj de aliaj Komercaj Ĉambroj kaj estraranoj de Komercaj Sindikatoj.

*Ĉefaj celoj:* plifaciligi la komercajn interrilatojn de la membroj per Esperanto, per informoj, tradukoj ktp.;
helpi al pretigo de teknikaj vortaroj;
faciligi al la membroj scipovon kaj praktikan uzadon de Esperanto;
klopodi por ke Esperanto estu baldaŭ tutmonde uzata por internaciaj interrilatiĝoj de transveturadaj, poŝtaj, telegrafaj kaj T. S. F.-administracioj.

La Asocio plezure ricevos ĉiulandajn informojn, proponojn demandojn kaj, siaflanke, respondos ĉiujn petotajn informojn.

Por akceli la tutmondan komercan uzadon de Esperanto, estas dezirinde, ke ĉiuj peresperantaj kaj poresperantaj komercaj asosioj tuj interrilatiĝu kaj kunlaboru.

Tiucele, la sekretaria adreso estas jena:

*Esperanto et Commerce*
20 rue de l' Arc de Triomphe, Paris XVII, Franc.

*

*Danke estas petata represo en ĉiuj gazetoj, precipe komercaj, kun laŭebla sendo de unu ekzemplero enhavanta la petatan represon.*

# S-ro D-ro ALEKSANDRO GIESSWEIN †

La 18 novembro dimanĉe je pluva posttagmezo oni enterigis prelaton D-ron Aleksandron Giesswein.

Ĉe la tombo montriĝis, kiel amata, vere granda homo li estis. La urbo Budapest donis por li en la centra tombejo honoran lokon kaj el plej kontraŭaj partioj, el plej diversaj societoj kolektiĝis amasego da funebrantoj — kiuj eble neniam laborus kune, sed kiujn por unu horo kuntiris la komuna amo al la vastanima pastro de Jesuo, la komuna profundo pro perdo de homo, pri kiu ĉiuj sentis, ke lia koro batas ĉiam por ĉiu suferanto kaj por ĉiu justa batalanto.

Laŭvice parolis la reprezentantoj de diversaj institucioj, partioj, societoj. Adiaŭis lin la Hungara Scienca Akademio, la Sankta Stefana Akademio, inter la societoj adiaŭis de li la Paca Societo, kies aganta prezidanto li estis, la feminista societo, ĉar li ĉiam laboris por rajtoj de la virinoj, la kristan-socialista partio kaj la socialdemokrata partio, la Lafontaine societo por traduko de literaturaĵoj, kaj multaj aliaj. En la nomo de la esperantistoj parolis subprezidanto de la Hungarlanda Esperanto-Societo: Stefano Magy-Molnár esperantlingve esprimante la dankon de la esperantistaro kaj la esperon, ke lia nobla, granda, amanta spirito konstante fortigos nin por daŭrigi kun sukceso la komencitan laboron. En la nomo de la Hungarlanda laborista Esperantista Societo parolis ankaŭ esperante ties prezidanto Johano Meszaros. Sur la tombon metis la landa societo modestan florkronon kun blanka rubando, sur kiu estis kun verdaj literoj skribita: „Al nia kara prezidanto — la Hungarlanda Esperanto-Societo“ kaj samideano Laquer surmetis grandan florkronon formante verdan stelon inter blankaj floroj, sur kies nigra rubando staris per verdaj literoj: „En la nomo de la tutmonda esperantistaro — Aleksandro Laquer“ kaj ankaŭ sur la rubando estis verdaj steloj. Tiun florstelon oni metis plej supre sur la tombo eble por montri, ke la esperantistoj konsideris lin antaŭ ĉiuj aliaj, kiel ilia kaj vere ĉiuj aliaj celoj, por kiuj Aleksandro Giesswein laboris, por la paco, por interkompreniĝo, por disvastigo de kulturo, de literaturo, por venko de kristanaj ideoj, por rajto de premitoj, por helpo de mizeruloj, estas eroj de la celoj por kiuj igas la esperantistojn labori la interna ideo.



Aleksandro Giesswein naskiĝis en la jaro 1856 en hungara urbeto Tata, post studoj lernejaj kaj teologiaj li fariĝis en 1878 pastro kaj estis doktoro de religia scienco. En 1897 li fariĝis kanoniko kaj abato ĉe la györa episkopejo. De 1903 li estis subprezidanto de Sankta Stefana Societo literatura, scienca kaj eldona kaj prezidanto de Sankta Stefana Akademio scienca.

Lia laboro disvastiĝis sur la lingvaj, prahistoriaj, histori-sciencaj, religiaj, socialaj kaj kristanaj teritorioj de homa scio. En 1887 aperis lia unua grava verko pri Mizraim kaj Assur. Liaj plej gravaj verkoj pri astrologio, pri ĉefaj problemoj de komparanta lingvistiko, pri deveno kaj fundamentoj de religio, pri historia filozofio, pri sociologio, budhismo, kristanismo kaj liaj artikoloj samtemaj aŭ pri Esperanto, pacifismo aliaj mondkongresoj kiujn li partoprenis, aperis en hungaraj kaj eksterlandaj eldonoj en lingvoj hungara, germana, franca, latina kaj esperanta.

Li ludis gravan rolon en la hungara parlamenta vivo. De 1903, do dum 19 jaroj li estis seninterrompa deputato de distrikto Megyaróvár en la hungara parlamento, kie li batalis por la kristanaj socialaj principoj sed — precipe lasttempe — tute liberala kaj kie ofte aŭdiĝis lia voĉo por Esperanto. Lia politika agado laŭ karakterizo de unu ĵurnalo havis nur unu celon: „kiel eble plej multe utili por kiel eble plej multaj homoj“. Kaj tiun principon li ne lasis spite de mokoj kaj atakoj de kelkaj flankoj.

Ne estas mirinde, ke lia vasta scienca kono homameco kaj idealismo ne konis limojn kaj lia voĉo aŭdiĝis de ĉiuj diversaj gravaj kongresoj kaj kunsidoj, kie oni laboris por la homaro. Li estis korespondanta membro de la Hungara Scienca Akademio sed samtempe membro de multaj eksterlandaj kaj internaciaj institucioj kaj societoj. Ĉe multaj el ili li havis gravajn rolojn en la estraroj. En Hungarlando li estis gvidanto de la Paca Societo kaj de la Lafontaine societo. Inter la membroj de la Societo por la Ligo de Nacioj li estis unu el la plej konataj.

Esperantisto li fariĝis en 1912, kiam li akceptis la prezidantecon de la Hungarlanda Esperanto-Societo kaj de tiu tempo lia voĉo ne plu mankis ĉe internaciaj, landaj aŭ katolikaj Esperanto-kongresoj. Li estis en la gvidantaro de IKUE, de IKA, de MDKA kaj prezidanto de la laste fondita IPLS, la pacifista ligo esperantista. Dum multaj kongresoj li faris la sanktan meŝon kaj predikis esperantlingve. Ĉe la lastaj elektoj li fariĝis membro de la Konstanta Reprezentantaro. Li estis kunlaboranto de „Literatura Mondo“ kaj skribis en kelkaj esp. gazetoj.

Lia agado ne havis limojn, en ĉiuj fakoj, ĉe ĉiuj societoj li partoprenis en la laboroj per sama energio — pro kio li kompreneble ne povis ĉiun forton dediĉi al esperantismo. Sed li apartenis al la apostoloj de nia movado, kiuj laboris por Esperanto ĝis la lastaj horoj: en lastaj monatoj aperis artikoloj de li en diversaj gazetoj pri veno de nova Eŭropo, en kiuj li priskribas la esperantajn kaj aliajn dumsomerajn kongresojn, la 27 kaj 28 oktobro li ankoraŭ prezidis kaj parolis ĉe la ĝeneralkunveno esperantista en Budapest, la 5 novembro ĉe komitatkunsido esperantista kaj dum la lasta vespero li instruis pri nia lingvo la edzinon de lia nevo. Tio estis lia lasta faro!

## Niaj mortintoj.

*Kun bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro **Maurice Leblanc**, Paris, ano de la Akademio de l' Sciencoj, bofrato de S-ro Rollet de l' Isle. S-ro Leblanc estis fama sciencisto pri elektro; plurfoje li montris sian simpation al Esperanto; li subskribis la manifeston de la anoj de la Akademio de l' Sciencoj.

S-ino **Labruyère**, Lyon, anino de UEA, instruistino, militvidvino, eklerninta Esperanton antaŭ 10 monatoj; ŝi postlasas tri junajn orfojn, kiuj jam eklernis nian lingvon.

S-ro **P. Spasov**, prokuroro en Jambol (Bulgario), tre ŝatata malnova pioniro, kunlaborinto de „Unua Paŝo" en Sofia.

S-ro **Oskar Rehabetz**, membro de la grupo en Caransebes (Rumanio).

S-ro **B. Lewis.** Kun sincera bedaŭro ni ricevis sciigon pri la morto en Worcester, Britlando, je 12 Oktobro de S-ro B. Lewis, la amata ĉefo de Sta. Paŭla Lernejo, post longa suferado, dolĉe elportita.

S-ro Lewis estis vera sanktulo kaj ĉiu, kiu interrilatis kun li, baldaŭ devis lin ami. Per senlaca devoplenumo li estis modelo por ĉiuj siaj kunlaborantoj, kaj lian memoron ni ĉiam ame konservos. Kvankam li ne estis aktiva esperantisto, li estis sincera amiko al nia movado. Li bone komprenis la ideon de esperantismo kaj ludis gravan rolon en la oficiala enkonduko de Esperanto en Stan. Paŭlan Lernejon. Li fariĝis membro de la B. E. A. en 1920, sed pro multokupeco ne povis partopreni en la antaŭenigo de nia afero. Tamen li donis multan kuraĝigon kaj simpation al S-ro W. Severn, kiu instruis la lingvon.

La ĉefaj trajtoj de lia karaktero estis ĝentileco kaj servemo. Li estis multe respektata kaj amata de siaj malriĉaj knaboj, kiujn li ankaŭ amis per amo granda kaj mirinda.

„Tero refariĝu ter'",
Diras ni el fida koro,
Atendante kun esper'
Por la releviĝa horo.

Al lia familio ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

S-ro **Harry Whitley** el Armley, Leeds, fondinto de grupo, malnova samideano.

S-ro **O. Déplanque**, 71-jara, unu el la plej malnovaj pioniroj de Esperanto en Boulogne-sur-mer. Kvankam ne aliĝinte al esperantistaj societoj, li estis tre fervora kaj tre agema. Posedante plene la lingvon, li komponis multajn poeziojn kaj artikolojn en Esperanto, kaj speciale muzikon por la kanto „Espero" de Zamenhof, muziko tute valora. Sincere demokrata, li estis tre simpatia al ĉiuj. *G. B.*

## Esperantista Parolejo.

### Alvokoj pri la mizero en Centra Eŭropo.

La vintro anonciĝas terura, speciale en diversaj germanaj urboj, kie malfavoraj cirkonstancoj disvastigas mizeron kaj malsaton inter malriĉaj kaj mezaj klasoj. Pri tiuj ĉi faktoj ni ricevas kaj ricevos ankoraŭ multajn alvokojn. Ĉar ne estas eble presigi ilin, ni preferas publike doni la jenajn konsilojn al la bonvalutaj esperantistoj, kiuj deziras helpi malfeliĉajn samideanojn:

1e Ofte plej praktike estas partopreni en oficialaj helporganizoj (Ruĝa Kruco, Savu Infanojn ktp.).

2e Se oni deziras helpi private kaj rekte, la delegitoj de UEA povas informi pri la indeco de iu aŭ alia peto en sia loko.

3e La esp. grupoj povas rilati kun la esp. grupo de la mizera loko por eviti konfuziĝon. Red.

* * *

### Oni laŭdas!

*Ni presigas en ĉi tiu senpaga rubriko dankojn nur pri gravaj servoj plenumitaj de delegitoj.*

∴ S-ro *Konstantino Dinidis* el Buenos Aires (Argentino) ne trovas ĝustajn vortojn por korege danki S-ron Pedron Gomez, del. en Buenos Aires kaj S-ron Andreo Villafranca, vicdel. de UEA en Buenos Aires (Argentino) pro bonega akcepto kaj havigo de ofico.

∴ *D-ro B. Migliorini*, Roma, varme dankas S-ron H. Tressel. del. en München, S-ron J. Bolkart, del. en Augsburg, F-inon J. Hornung, vicdel. en Augsburg kaj ĉiujn samideanojn kiuj per siaj helpoj kaj afablaĵoj plifaciligis kaj pliagrabligis lian restadon en Bavario.

∴ S-ro *A. Sohrmann*, del. de la UEA por Weinböhla-Dresden kore dankas al la delegitino por Stettin, F-ino Frida Kupfer, kaj al la delegito por Helsinki, S-ro L. Jalava pro afabla helpo,

∴ F-ino *Lempi Bäckman*, Finna Legacio, Stockholm, kore dankas la delegitojn, S-roj Vaona-Verona Bonini-Venezia kaj Filippi-Roma, pro la afabla akcepto kaj gvidado kaj ĉiujn kongresanojn en la 8a Nacia Esperanto-Kongreso en Terni, precipe la prezidanton, Markizo Montezemolo.

∴ S-ro *H. Sakaria* en Tallinn (Estonio) kore dankas S-ron J. Ŝapiro en Bialystok pro kompleza servo, havigo de adreso.

## Esperantista Vivo.

**Naskiĝoj.** — Al Ge-roj *Durand*, ano de UEA, naskiĝis filino,

— Al Ge-roj *Thom* en Montbeliard (Francio) naskiĝis filoi nomita René Fréderic.

**Fianĉiĝo.** — S-ro *A. Knegt*, Del. de UEA en Banjoewang, (Java), kun F-ino *Lily van Deventer.*

— S-ro *Paul Bennemann*, kunlaboranto ĉe „Esperanto" en Leipzig, kun F-ino *Gertrud Hähnel.* (Koran gratulon kaj bondeziron. La Red.)

**Edziĝoj.** — S-ro *Albert Sander*, ano de UEA 19603 en Aussig (Ĉeĥoslovakio), kun F-ino *Mary Vykus.*

— S-ro *Hermann C. Richter* kun F-ino *M. Wewerka* en Warnsdorf (Ĉeĥoslovakio).

— S-ro *Fritz Westernacher* el Nürnberg kun F-ino *Marie Cecilie Hivernaud* el St. Benoît du Sault, Francio, Indre en New York.

— S-ro D-ro *Stan. Kamaryt*, profesoro en Bratislava kun F-ino *Zdeňka Vacková*, instruistino.

## AMUZO KAJ ŜERCO

Verkis: *Alessandro Mazzolini*, Firenze (Ital.).

### Solvoj de N-roj 20 ĝis 24.

20. ARO (Baro, caro, ĉaro, faro, haro, jaro, karo, maro, paro.
21. Sumatro.
22. Trapaso — Patraso.
23. Mad-rido.
24. For ever.

---

25.

**Astronomia revolucio.**

En kia tago Lun' anstataŭ esti aperanta kiel estus devo de ĝi, el oriento ekfariĝas videbla el okcidento?

* * *

26.

**Kiel naski ĉefurbon?**

Kunigu opinion de persono ŝanceliĝanta inter **jes** kaj **ne**, al vegetaĵ', el kiu oni faras fadenojn kaj teksaĵojn por ricevi ĉefurbon de nobla land' eŭropa.

* * *

27.

**Geografia ĉeneto.**

I — II — III

**Unu kaj du**: adjektiv' signifanta „de vorto, kiu montras la staton aŭ agon". **Du kaj tri**: ag' de tiu, kiu metas korpon en fluidaĵon. Estas **unu du tri**: lag' inter du nacioj.

---

### El la programo de agrikultura ekspozicio:

Je la 10ª: Alveno de la bovoj.
Je la 11ª: Akcepto de la honoraj gastoj.
Je la 12ª: Komuna tagmanĝo.

*Wilh. Solzbacher*, Honnef.

* * *

Iu eksterlandulo, kiu aŭdante min paroli angle, diris:

— Vi parolas ĉiujn lingvojn, fraŭlino, ĉu ne?

— Oh ne, sinjoro, ne ĉiujn, sed mi povas komprenigi min en iu ajn lando per la internacia helplingvo Esperanto.

— Vi parolas Esperanton? Mi ankaŭ provis lerni ĝin sed sensukcese. Kio malfaciligis al mi la studadon estas la multenombro ĉe la verboj!!

---

## ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek*, Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto

**Problemo N-ro 93.**
*A. V. Galitzki.*
(Reproduktaĵo).



Blanko matas per la **2-a** movo.

**Problemo N-ro 94.**
*R. Svoboda*, Praha.
(Originalo).



Sinmatigo per la **2-a** movo.

**Problemo N-ro 95.**
*Gabriel Heskia*, Bucuresti.
[Originalo].



Blanko matas per la **3-a** movo.

**Problemo N-ro 96.**
*E. G. Schultz*, Stockholm.
[Tidskrift för Schack 1908].



Blanko matas per la **4-a** movo.

Problemo 95-a havas tre bonan ŝlosilmovon kaj estas verkita en pura matbilda maniero. Ĉiuj tri matoj estas *regularaj*. — N-ro 96, kvankam kvarmova, estas facile solvebla kaj prezentas belan ideon de *plena ĉirkaŭkuro de la turo*. — En la sinmatigo 94-a temas pri tio kiel eluzi la tri forsaltoj de la nigra ĉevalo.

*Solvoj de la problemoj:*

**N-ro 91**: 1. Dc 1 — b 2, D×D, 2. Ĉe 4 mato; R×Ĉ, 2. Te 5 m; K×c 5, 2. Dh 2 m; K×e 3, 2. Td 7 m; laŭvole, 2. Ĉb 7 m.

**N-ro 92**: 1 g 2 — g 4, f×g 3, 2. D×h 4 m; h×g 3, 2. Dh 1 m; K×h 7, 2. Df 4 m; laŭvole, 2. Ĉg 8 m.

*Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

N-ro 87, 89, 90 R. Koerselman, Voorst [Nederl.]; G. Menzel, Breslau [Germ.]; 87 ĝis 90 T. Sika, Praha [Ĉeĥ.]; 88 G. Meyer, Wien [Aŭstrio].

*Korespondo*: S-ro E. Koch, Warnsdorf. La solvo ne ebla pro la defendo d 6 — d 5.

**Ludo N-ro 7, *Itala*.**

Ludita en Wien, la 5-an de februaro 1902.

Blanko: problemisto *Kotrč*. ☆ Nigro: *S. R.*

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 1. | e2 — e4 | e7 — e5 | 11. | Ĉb1 — c3 | Kc8 — g4 |
| 2. | Ĉg1 — f3 | Ĉb8 — c6 | 12. | h2 — h3 | Kg4 — h5 |
| 3. | Kf1 — c4 | Kf8 — c5 | 13. | Ĉc3 — e4 | Kc5 — b6 |
| 4. | 0 — 0 | Kg8 — f6 | 14. | Ĉf3 × d4! **a** | Kh5 × d1 |
| 5. | d2 — d4 | e5 × d4 | 15. | Ĉd4 × c6 | b7 × c6 |
| 6. | e4 — e5 | d7 — d5 | 16. | Ta1 × d1 | Dd8 — e7 |
| 7. | e5 × f6 | d5 × c4 | 17. | Ĉe4 — g3! | De7 — c5 |
| 8. | Tf1 — e1+ | Re8 — f8 | 18. | Te1 — e3 | f6 — f5 |
| 9. | Kc1 — g5 | g7 — f6 | 19. | Ĉg3 — e4! | N rezignis. |
| 10. | Kg5 — h6+ | Rf8 — g8 | | | |

**a** Damofero de malofta beleco, kies celon provis foje kantema ŝakaĉisto sukcese karakterizi jene:

„Figuron aŭ tutan Damon oferas la meceno,
do l' ofero ofte estas ŝprucita per veneno."

